# BRAZILA ESPERANTISTO

Oficiala Organo de Brazila Esperanto - Ligo - 87ª Jaro - Nº 291 - Junio 1995

## LA HOMO



BRAZILA ESPERANTISTO

87-a Jaro - Junio 1995
N-ro 291 (trimonata)
Oficiala Organo de Brazila Esperanto-Ligo
Caixa Postal 3625
70084-970 Brasília, DF (Brazilo)
Kompostado kaj presado:
Altamisa Ltda.
Redaktantoj:
S. -G. Ledon
Caixa Postal 269
12460-000 Campos do Jordão, SP (Brazilo)


BRAZILA ESPERANTISTO fondita en 1908 de Alberto Alves S. Vieira, Reynaldo S. Geyzer kaj Everardo Backheuser
Pri abonprezo, anonctarifo k.c. skribu al BEL
Pri kunlaboraĵoj k.c. skribu al la Redaktejo.



## ENHAVO



**Nia kovrilo**
**La Homo**

Serio "LA HOMO"
homa-homama homaro
homevitulo-hommanĝulo
homaranismo
homeco
senhoma-superhomo

(Grande Dicionário Esperanto - Português I.G. Braga, Suplemento de S. Chaves)

# KARA LEGANTO

## Salutojn!

Post longa silento mi feliĉe reprenas kontaktojn kun malnovaj amikoj kaj amikiĝas kun nova generacio de esperantistoj. Kiom da tempo! Kiom da sanĝoj! Tamen, mi ĝojas kaj raviĝas, ĉar mi rimarkas ke la longa tempo kaj la profundaj ŝanĝoj okazintaj de kiam mi provizore retiriĝis el la scenejoj de niaj luktoj ne skuis nian entuziasmon kaj ne malpliigis nian fidon. Kontraŭe, mi asertas senafekte ke mia reapero ŝuldiĝas al nia progreso kaj al la ĉiam pli granda apogo de la brazila esperantistaro, kaj konkretigas mian revon kaj la revon de tiuj, kiuj sopiras pri organo samnivele kun la graveco de nia movado. La nova organiza strukturo de BEL, surbaze de malcentraliza programo, konkordigas la nepre necesajn laborojn kun la koncerna kompetenteco de tiuj, kiuj kun grandanimeco sin proponas ilin plenumi. Tiel, mi estas certa ke mi regule aperos ekde nun, laŭ tiucele ellaborita plano. Kaj mi estas des pli certa pro tio, ke mi kalkulos kaj je la grava kaj kreskanta kunlaboro de mia amikaro, sur ĉiuj kampoj - teknika, beletra, arta, lingva, ktp., kaj je la financa apogo, kiu neniam malavaras kiam kontente kaj fidplene ni laboras kune sur ĝojigaj vojoj...

*BRAZILA ESPERANTISTO*

## KORAJN DANKOJN!

Post kelkaj tagoj finiĝos la oficperiodo de la nuna BEL-estraro. Kompreneble, ni ankoraŭ ne atingis la staton plene prezenti profesinivelajn laborojn al la uzantoj de niaj servoj.
Malgraŭ la fakto ke BEL kalkulis je la ĉiutagaj fortoj de estraranoj kaj direktoroj, ne ĉio glitis kiel dezirinde kaj multaj mankoj okazis.
Por konsoli iomete nian konsciencon, krom pardonpeti pro la okazintaj mankoj, ni konsideru ke tiuj mankoj atentigos la venontan estraron pri evitindaĵoj, kaj montras al ni ke, malgraŭ ĉio, la vigleco de nia movado superregis...
Tamen, sen iu ajn pretendo, konvenas registri ke estis plenumitaj ĉiuj proponoj faritaj dum la elektado, en la jaro 1992, en Anápolis (GO), nome: a) kreo de la Reto de Reprezentantoj; b) kreo de la Informservo; c) pliampleksigo de la Perkoresponda Kurso kaj d) pligrandigo de la sidejo (aĉeto de alia ĉambro). Nia lasta LIGILO donis sufiĉajn informojn pri tio.
Krome, BEL akiris dum la periodo: presilojn por mikrokomputeroj; telekopiilon; ekskluzivan telefonlinion por la telekopiilo; faksmodeman plakon, uzotan en la Interneta kaj STM-a sistemoj; meblaron (ŝtalaj arkivoj, bretaroj kaj oficejaj mebloj); klimatizilon por protektado de la elektronikaj aparatoj, ktp. Estis eldonitaj 1000 ekzempleroj de la materialo uzata en nia Perkoresponda Kurso; pligrandiĝis la nombro de la titoloj en nia Libroservo (ĉirkaŭ 1600, nuntempe) kaj BEL disponas pri la rimedo por la reeldono de nia tradicia *Vocabulário Português-Esperanto/ Esperanto-Português*, de Carlos Domingues, kun suplemento de Sylla Chaves. La necesaj paŝoj tiu cele estas faritaj.
Kompreneble, ĉio-tio eblis nur pro tio, ke la esperantistaro donis al la estraro ĉiuspecan apogon - ĉu per libroaĉetado ĉe nia Libroservo, ĉu per favora reago al BEL-kampanjoj, ĉu per uzado de nia abonservo, ĉu per malavaraj donacoj kaj por la ĝeneralaj servoj kaj por la Fondaĵoj Almada/Brazila Esperantisto. Kaj krome, multe pli grave, pro la lastjaraj kreskoj de BEL-membraro: 11,70% en 1994 kaj 19,95% ĝis la 20-a de Majo 1995!
Do, al la brazila esperantistaro ni tutkore dankas kaj kreditas ĉiujn meritojn!

BEL-ESTRARO

## VORTOJ DE LA REDAKTANTOJ

Kial la redaktantoj bezonas aldoni vortojn? Ĉu la revuo per si mem ne estas sufiĉe komprenebla, klare asimilebla kaj kun evidenta celo? Sendube jes, sed la redaktantoj akceptas taskon por oficiala organo de asocio kie ili ankaŭ estas agantaj membroj, tial devas ekzisti certa, natura ligiteco kie la respondeco devas travideble aperi. Ni do pensas ke tiuj vortoj kapablas utili al tia travidebleco jen por la organo, jen por la asocio kaj ties membroj.

### Fine, nova Brazila Esperantisto

Tio estis la titolo de redaktora enkonduko de "Brazila Esperantisto" nº 290 en Januaro/ Februaro 1989 do antaŭ 6 jaroj. Estus malĝentile ree paroli pri nova B.E. Ni tutsimple pensu pri daŭrigo de tasko... kiu iel interrompiĝis. Ankaŭ ne utilas analizi tiun interrompon ĝi, kiel multaj aliaj homaj aferoj apartenas al la absurdo de la propra ekzisto. La 30-an de majo 1987 nia amiko Sirio Silva diris ke nun li povos morti trankvila, li ripetas la samon en la 2-a de aprilo 1995 por la n-ro 291 de B.E. Ni opinias ke li ne devus tiel facile sin mortoferi! Ni tamen baraktos por alfronti la uraganojn el ĉiuj ciklonaj kirladoj. Ni kalkulas kun la slogano: Ni laboru kune.

### Kial tia "Brazila Esperantisto".

Kelkaj membroj de BEL opinias ke la intertempa "Ligilo" estas sufiĉa, multaj pensas ke ne. Sendube "Ligilo" ligis la estraron al la membroj rilate al administraj kaj eble informaj movadaĵoj, sed ĝi ne spegulis la tutan anaron koncerne al vivigado de nia lingvo, aŭ partopreno en la BEL-agado mem. La membroj kiam ili aniĝas al asocio deziras ricevi kompense al sia kotizo, ion pli substancan. Simpla perado al UEA, abonado al pliaj tutmondaj revuoj, uzo de kursoj aŭ libroservo ne estas sufiĉe kontentigaj. La homoj bezonas pli intimajn kontaktojn, kaj la revuo, organo de la asocio (ne nur de la estraro) kapablas transdoni formon de intimeco. Cetere en nia esperantista tutmondo la plej elstaraj asocioj posedas propran revuon, organon de la respektivaj asocioj, kun primovadaj informoj sed ankaŭ pri kaj por la ĝenerala vivo, kulturo, finfine por la manifestiĝo de la membroj. Tio estas la celo de nia revuo, kiun ĉiu kaj ĉiuj BEL-anoj devas partopreni. Nia revuo ankaŭ estas nia tribuno por la atingo de nia komuna idealo induktita de Esperanto, la lingvo kiun ni pretendas diskonigi, instrui kaj praktike utiligi en reala vivigado. Ni kalkulas kun via kuna laboro.

### Grave pri la enhavo

Unu el la taskoj de la redaktantoj estas konservi la gvidlinion de la asocio, en nia aparta okazo, formon de neŭtraleco, de senpartieco sen fali en cenzuradon. Tikla rubriko estas tiu pri "spirita vivo" de la homoj kiam ĉiu kaj ĉiuj pretendas posedi "la veron" en sia religio. Ni iom hezite publikigas "la Bahaa Kredo"-n kiun sendis Vicente P. Werneck kaj la "Legio de Universala Frataro"-n kiun Alcebiades G. Lopes eltrovis de sub sia propra ĉapelo! Estas tiu sama fratara legio kiu moderne interbuĉiĝas en Bosnio ĉar la muzulmana dio, laŭdire malsamas rilate al la ortodoksa kristanismo... povraj sangaj homaj mensoj. Kiel vi povas observi ni pretendas dediĉi serieton da Brazila Esperantisto, al "La Homo", tiu homo kiu estas la ĉefa objekto de nia vivo... tiu homo kies evoluo estas duba fronte al la videbla regreso nepre haltigenda!

Viaj redaktantoj

Lasta aldono: En iome statistika panoramo, ni deziras substreki ke post cento da cirkuleroj senditaj kiel stimulo al kunlaborado estis 20% da reago verka/ kotiza, el kiuj 100% da fidoesprimoj kun malpli ol 10% da kritikemaj esprimoj. Tiel ke ni nin konsideras ŝancaj intertempe kaj nepre dankas la apogon, en firma espero ke la teamo revenu, kresku kaj interplektiĝu.

NOVAJ TEMPOJ, NOVAJ VOJOJ!

# IDEALISTA KUNVOKO

Laŭ la historiaj informoj, komence de la nuna jarcento, enradikiĝis la esperanto-movado en Brazilo. La verkon de Zamenhof, alportis al Brazilo ĉeĥo, F. V. Lorenz. Li forlasis sian landon kaj enmigris Brazilon pro lia anarĥiisma-politika sinteno. Li komencis sian vivon en Rio Grande do Sul, kie en kontakto de la tiamaj, brazilaj ĵurnalistoj, li aperigis artikolojn en la gazetoj pri Esperanto. Ne eblas scii ĉu li faris tion pro sia politika sinteno aŭ pro la Internacia Lingvo mem, nur certas la fakto, ke Esperanto disradikigis, de la Sudo ĝis Nordo en nia lando.

Dum ĝia evoluo, kelkaj kontraŭuloj, klopodis malhelpi ĝin, sed la fortanimaj adeptoj serioze defendis la Idealon de Zamenhof. Ili ne lasis malaperi la brilantan, verdan stelon de sur la firmamento de Brazilo, ili klopodis disvastigi kaj ellerni ĝin. Pro manko de lernolibroj, ili tradukadis lecionojn el iu franca broŝuro "Premiéres Leçons d'Esperanto", sed la intereso ne estis granda pri la nova lingvo en Sud-Ameriko. Iu esperantisto el Montevideo, en la jaro 1908-a skribis:"La esperanto-aferoj ĉiam en la sama stato. Kelkaj samideanoj izolitaj plenaj je entuziasmo, sed senfortaj kontraŭ la ĝenerala indiferenteco".

Ĉar la samideanaro troviĝis diversloke, montriĝis neceso havigi iun informilon kiu sciigus la adeptojn pri la situacio de Esperanto kaj ĝia evoluo.

En la jaro 1906-a, formiĝis la unua grupo de esperantistoj en la urbo Campinas (SP), kiu fondis la periodaĵon "Suda Stelaro". La iniciatoroj estis: Samideanoj João Keating kaj Tobias Rabello Leite. Tuj poste komenciĝis kurso de Esperanto, gvidata de Samideano Everardo Backheuser, kun granda sukceso. Sekve aperis la unua esperanta libreto en Brazilo.

En la jaro 1907-a, dum la unua Brazila Kongreso de Esperanto, okazinta en Rio de Janeiro, fondiĝis la Brazila Esperanto-Ligo, kies komunikilo estis "Brazila Revuo Esperantista". Tiu Revuo poste fariĝis "Brazila Esperantisto", kiu dum tempo, foje aperis, foje ne. Fine pro iu ne komprenebla "fulmo-tondro" (aŭ ĝuste pro ĝi), ĝi malaperis kaj nun anstataŭas ĝin "Ligilo", kiel informilo de Ligo.

La 6-an de januaro 1995-a, la Brazila Esperanto-Ligo organizis kunsidon de la Federacia Konsilantaro en Brazilio kaj estis decidite reaperigi la "Brazilan Esperantiston" en formo de revuo.

Ĉiu respektinda organizaĵo havas sian komunikilon, kiun la anaro apogas kaj subtenas. La Brazila Esperanto-Ligo, komence de la kuranta jaro aperigos la Revuon kaj estas petataj, niaj kapablaj kaj sindediĉaj esperantistoj kunlabori. Ĉiuj opinioj kaj novaĵoj estas bonvenaj, ĉar ili riĉigos la Revuon.

Komence de la jarcento, manplato de idealistoj, sukcesis konkeri la tiaman, ne interesatan publikon lerni Esperanton. Nun estas nia tasko, ĉe la fino de la jarcento, konvinki la modernan, monavidan kaj apatian publikon, pri la neceso de la internacia lingvo. Ĉar la mondo kunfandiĝas, sed ne la lingvoscio. Nia tasko estas peniga, eĉ pli ol iam.

Ni devas klopodi, kiel la unuaj esperantistoj faris. La esperantistaro famas, ke ili kapablas fari ĉion. Ekde verkado, eldonado de bultenoj, instruado de la lingvo kaj propagando. Verŝajne pro tio la Zamenhofa idealo, dum cent jaroj, disvastiĝis tra la tuta mondo.

Nu, ek al la laboro! Bonvenigu kaj apogu ni la "Brazilan Esperantiston". Traktu ni ĝin kun kareso, ke ĝi restu inter ni por ĉiam.

Maria Almada

## NI SPRITU

# LA MALJUNA KONTRABANDISTINO

Stanislaw Ponte Preta

Laŭdire ŝi estis maljunulino, kiu scipovis stiri skoteron. Ĉiutage ŝi trairis la landlimon rajde sur skotero, kun granda sako sur la posta parto de la skotero. La homoj de la doganejo -- ĉiuj ruzuloj -- eksuspektis la maljunulineton.

Unu tagon, kiam ŝi venis sur la skotero kun la sako malantaŭe, la doganisto haltigis ŝin. La maljunulino haltis kaj tiam la kontrolisto demandis al ŝi:

-- Aŭskultu do, avinjo, vi trapasas ĉi tie ĉiutage, kun tiu sako malantaŭe. Kion diable vi portas en tiu sako?

La maljunulino ridetis per tiuj malmultaj al ŝi restantaj dentoj, plus tiuj aliaj, akiritaj ĉe la dentkuracisto, kaj respondis:

-- Ĝi estas sablo!

Tiam ridetis ja la kontrolisto. Li opiniis, ke tute ne estas sablo kaj ordonis, ke la maljunulino forsaltu de la skotero, por ke li ekzamenu la sakon. La maljunulino desaltis, la kontrolisto malplenigis, la sakon kaj ene estis nur sablo. Tre embarasita, li ordonis, ke la maljunulino iru antaŭen. Ŝi ekrajdis la skoteron kaj veturis for, kun la sako da sablo malantaŭe.

Sed la kontrolisto ankoraŭ restis suspektema. Eble la maljunulino pasis unu tagon kun sablo kaj alian kun kontrabandaĵo en tiu malbeninda sako. La sekvintan tagon, kiam ŝi pasis sur la skotero kun la sako malantaŭe, tiam la kontrolisto denove haltigis ŝin. Li demandis, kion ŝi portas en la sako kaj ŝi respondis, ke ĝi estas sablo, nu! La kontrolisto ekzamenis, kaj ĝi ja estis tio. Dum unu kompleta monato la kontrolisto interrompis la maljunulinon, kaj ĉiufoje en la sako ŝi portis ja sablon.

Laŭdire tiam la kontrolisto ekkoleriĝis:

Aŭskultu avineto, mi estas doganisto de 40 jaroj. Mi eminente kompetentas pri tiaj kontrabandaj aferoj. Neniu povus forigi el mia kapo la penson, ke vi estas kontrabandisto.

-- Sed en la sako estas nur sablo! -- insistis la maljunulino. Kaj ŝi estis tuj veturonta, kiam la kontrolisto proponis:

-- Mi promesas, ke mi permesos al vi trapasi. Mi ne denuncos, ne kaptos la varon, mi rakontos al neniu, sed vi diros al mi: kiun kontrabandaĵon vi ĉiutage trapasigas ĉi tie?

-- Ĉu vi promesas ne malsekretigi? - scivolis la maljunulino.

-- Mi juras -- respondis la kontrolisto.

-- Skoterojn.

(Tradukis P.S.Viana)

# NOVAJ VOJOJ POR LA ESPERANTO-INFORMADO

Konstanta tagorda punkto dum niaj lokaj kunvenoj, regionaj renkontiĝoj, naciaj kaj internaciaj kongresoj estas: "KIEL KAJ KIUN INFORMADI PRI ESPERANTO ?". Ja, la konata sinsekvo: informado - instruado praktikado, estas evidente sub la influo de nia unua paŝo. Se ni insistas informadi la malĝustajn homojn, ni malŝparos nian tempon instruante al ili la lingvon, kiun ili neniam praktikos kaj, male, fariĝos ĝiaj kritikantoj.

Kaj kiuj estas la malĝustaj homoj? Evidente kaj bedaŭrinde la plimulto de la nuntempa homaro, kiu izolite vivas en sia urbeto ("kie neniu estas profeto", laŭ la trafe tradukita proverbo de Zamenhof), kie oni ankoraŭ rigardas la eksterlandanon kiel fremdulo, kie banalaĵoj estas pli allogaj ol seriozaj kaj kie la kono de nur la nacia lingvo estas pli ol sufiĉa por kontentigi la limigitajn bezonojn de eksteraj kontaktoj.

Sekve niaj klopodoj devus koncentriĝi en la informado de la "aliaj" homoj, la malplimulto, kiu nepre bezonas Esperanton kaj estas sentema al niaj tezoj. Kaj la diversaj hom-kategorioj de tiu malplimulto estas multaj kaj malfacile estus listigi ilin ĉi tie.

Tamen, mi ŝatus emfazi kategorion de homoj, kiu lastatempe montriĝis sentema al la binomo: "Esperanto kaj Ekologio". Tio aperis evidenta dum la Konferenco RIO '92, kie la sukceso atingita de nia Esperanto-stando longe restos en la memoro de ĉiuj, kiuj tie kunlaboris. Tiam la ekologoj subskribis etikan kompromison, kie uzado de Esperanto estas rekomendita al la tutmondaj ne-registaraj organizaĵoj. Ili rifuzas la hegemonion de naciaj lingvoj por la tutmonda komunikado kaj konscias, ke nia planedo estas nia komuna domo kaj ni ne havas alian, kien transloĝiĝi, kiam la vivo sur la tero ne plu estos eltenebla. Kaj la ekologia verda movado montriĝis favora al la ekologia lingvo Esperanto, same verda.

Ne mankas ekzemploj pri tiu favora sinteno kaj eĉ plej laste, en Barra do Garças, Mato Grosso, dum la Tago de la Tero, la 22an de aprilo '95, Esperanto ludis elstaran rolon.

Alia videbla konfirmo troviĝas en Goiás, ekde kiam la Nacia Parko "Chapada dos Veadeiros"vekis la atenton de ĉiuj televidaj stacioj kaj la regiono de Alto Paraiso fariĝas populara inter ekologoj kaj natur-amantoj.

Verdire, kaj ne hazarde, antaŭ pli ol tridek jaroj, grupo de esperantistoj el Nord-Oriento hisis tie la verdan standardon kaj komencis materiigi la revon de Bona Espero. Instrumento de tiu ne-hazardo estis ĉefe samideano Arthur Vellozo, kiu ne povis vidi la nunan evoluon de sia kreitaĵo, sed al kiu nia movado ŝuldas grandan dankemon.

Bona Espero estas esence filantropia institucio, kie la filoj de kamparanoj, dise loĝantaj en la regiono kaj forlasitaj de la socio, trovas familian etoson por esti alfabetigitaj kaj edukitaj.

Tamen, lastatempe, ĝia Esperanto-Karaktero trovis rimarkindan eĥon inter la vizitantoj de la Nacia Parko, kiuj renkontas en Bona Espero novan realaĵon, miras pri nia ampleksa Esperanto - biblioteko, admiras la facilecon per kiu la infanoj komunikiĝas kun homoj el aliaj landoj, kaj entute, ekologoj, foriras kun la mesaĝo pri la valoro de Esperanto.

Sed kiajn konkretajn rezultojn tiuj vizitoj alportas al nia por-Esperanta laboro? Jen kelkaj ekzemploj:

*- La Prezidanto de Teozofia Societo en Brazilo, filo de Esperanto-pioniro, vizitas Bonan Esperon. Tiu kontakto ebligis partoprenon de gejunuloj el Bona Espero dum la Tutmonda Kongreso de Teozofio (kies periodeco estas dekjara kaj okazis ĉi foje en Brasilia), kie ili deklamis en Esperanto la lastan predikon de Budao, antaŭ granda internacia publiko.*

*- La estro de unu el la plej grandaj eldonejoj en Paragvajo vizitas nin kaj montris grandan intereson komenci ian disvastigon de Esperanto en sia lando. Ni peris kontakton kun la Argentina Esperanto-Ligo por livero de materialo en hispana lingvo.*

*- La kultur-ataŝeo de la germana ambasado en Brasília vizitis nin kun kelkaj muzikistoj, membroj de germanaj simfoniaj orhestroj dum turneo tra Brazilo. Unu el tiuj muzikistoj jam lernas Esperanton en Germanio, kun sia tuta familio.*

*- La ataŝeo pri komerco ĉe la Pola Ambasado en Brasília, jam plurfoje vizitas la naturajn belaĵojn de Alto Paraiso kaj la polajn esperantistajn volontulojn en Bona Espero. Tiu amika rilato ebligis la aranĝon, kunlabore kun Brazila Esperanto-Ligo, de la pasintjara Zamenhof-festo en la pola ambasadorejo.*

*- La Ĝenerala Sekretario de Rotariaj Kluboj en Brasília vizitis Bonan Esperon kun grupo de ekologoj kaj invitis nin al Brasília, kie, en la kadro de la 90 jara fondiĝo de Rotario, okazis prelego pri Esperanto la 27-an de aprilo ĉi jare. El tio rezultis kurso de la Internacia Lingvo por rotarianoj.*

Aliaj kursoj okazas en Bona Espero dum la semajn-finoj, inkluzive por prepari novajn geinstruistojn post la eldono de urba dekreto, kiu enkondukis la instruadon de Esperanto en la elementajn lernejojn de Alto Paraiso. Kompreneble, vizitoj de gelegantoj de "Brazila Esperantisto" estas aparte bonvenaj por labori kune kaj trovi novajn vojojn por la disvastigo de Esperanto en nia lando.

Giuseppe Grattapaglia

## LA VETERO KAJ NIA KOMFORTO

(Eltiro de la prelego farita de Willy do Nascimento Sales okaze de la 20-a Renkontiĝo de Sudparaiba Valo la 2-an/4/95)

Bonvolu atenti pri la jenaj faktoj:

- Ni povas senti varmon eĉ je 25°C, ne nur je 37°C
- Nia komforto estas ĉiam en rilato kun la vetero (atmosferaj kondiĉoj).

La gravaj faktoroj kiuj influas la veteron estas:

1 - Temperaturo kaj sunumo
2 - Atmosfera premo
3 - Vento
4 - Malsekeco de la aero
5 - Atmosfera defaligo

**1 - La averaĝa temperaturo** de la terregiono kie ni vivas ĉiam havas rilaton kun la "sunumo", t.e. kun la kvanto de varmo kiun ni ricevas el la suno. Ĉe la tropikaj regionoj la sunradioj alvenas vertikale, ĉe la polusaj regionoj la sunradioj trafas la tersurfacon oblikve, kio diferencigas la kvanton da energio devenanta de la suno. Vidu la bildon 1.

La nuboj kaj la fumoj en la atmosfero agas kiel tegaĵo, kiu ŝirmas la tersurfacon kaj sorbas la duonon de la suna disradiado.

La lagoj kaj oceanoj influas la veteron ĉar la specifa varmo de la akvo estas pli granda ol tiu de la tero. La akvo varmiĝas pli malrapide ol la tero dum la somero. La akvo malvarmiĝas pli malrapide ol la tero dum la vintro.



**2 - Atmosfera premo**

La aero havas pezon de 1,3 Kg/m$^3$ pro la altiro de la gravita forto. La atmosfero je la marnivelo transdonas premon de proksimune 1 Kg/cm2 aŭ 76 cm/Hg. Laŭ la vario de alteco la premo malaltiĝas je lcm je ĉiuj 100m. Vidu bildon 2.

Ankaŭ la varmiĝo de la aero malpezigas ĝin, male la malvarmiĝo pezigas la aermasojn, kio okazigas la translokiĝojn laŭ ciklonaj aŭ kontraŭciklonaj moviĝoj de la aero.

**3 - Vento**

Vento estas aermovado kaj ĝi devenas de ŝanĝoj kiel en temperaturo, latitudo, altitudo, proksimeco de maro, maraj fluoj ktp. La ventoj okazas en grandaj aerkirloj: la ciklonoj. Tornadoj estas malgrandaj aerkirloj kun granda forto, maloftaj en Sud-ameriko. Uraganoj aŭ tajfunoj estas gigantaj aerkirloj en kiuj la ventoj blovas kun granda rapideco de 100 Km/h ĝis 250 Km/h.

**4 - Malsekeco de la aero**

Ordinare en la atmosfero ekzistas l% el akvovaporo, do eĉ kiam ne pluvas la aero estas relative humida. La "rilata malsekeco" aŭ relativa humideco de la aero estas la kvociento de la ekzistanta kvanto de akvovaporo per la kvanto de akvovaporo necesa por saturi la koncernan aeron. La bezonata

| RELATIVA HUMIDECO | | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Seka Bulba Termometro "Temperaturo" °C | Diferenco inter la Seka/Malseka Termometroj °C (Centigrados) | | | | | | | | | |
| | 1 | 2 | 3 | 4 | 5 | 6 | 7 | 8 | 9 | 10 |
| 9 | 88 | 76 | 65 | 53 | 42 | 32 | 22 | 12 | 03 | 0 |
| 12 | 89 | 78 | 68 | 58 | 48 | 38 | 30 | 21 | 12 | 4 |
| 15 | 90 | 80 | 71 | 62 | 53 | 44 | 36 | 28 | 20 | 13 |
| 18 | 90 | 82 | 73 | 65 | 57 | 49 | 42 | 35 | 27 | 20 |
| 21 | 91 | 83 | 75 | 67 | 60 | 53 | 46 | 39 | 32 | 26 |
| 24 | 92 | 85 | 77 | 70 | 63 | 56 | 49 | 43 | 37 | 31 |
| 27 | 93 | 86 | 79 | 72 | 65 | 59 | 53 | 47 | 41 | 36 |
| 30 | 93 | 86 | 79 | 73 | 67 | 61 | 55 | 50 | 44 | 39 |
| 33 | 93 | 86 | 80 | 74 | 68 | 63 | 57 | 52 | 47 | 42 |
| 36 | 93 | 87 | 81 | 75 | 70 | 64 | 59 | 54 | 50 | 45 |



| Alteco (metroj) | Barometro (milimetroj) |
|---|---|
| 0 | 760 |
| 290 | 735 |
| 578 | 712 |
| 883 | 686 |
| 1204 | 660 |
| 1524 | 635 |
| 1843 | 610 |
| 2194 | 584 |
| 2560 | 558 |
| 2925 | 534 |



bildo 2



bildo 3



bildo 5

kvanto de akvovaporo por saturiĝo de aero pligrandiĝas laŭ la pligrandiĝo de la temperaturo. Ekzemple je temperaturo de 5°C ĉiu kuba metro da aero povas enteni 6,8 g da akvovaporo antaŭ ol saturiĝi, sed je 40°C tiu sama kuba metro da aero entenas 51 g.

Se kuba metro da aero entenas 7 g da akvovaporo sed povas je tiu temperaturo enteni 14 g antaŭ la saturiĝo, oni diras ke la relativa humideco estas 50% ĉar 7 estas 50% de 14.

En la praktiko ni facile mezuras la relativan humidecon per hara higrometro aŭ per seka bulba termometro kaj malseka bulba termometro. Vidu bildon 3. En la tabelo ni trovas, laŭ la diferencoj de temperaturo, la relativan humidecon.

**5 - Atmosfera defaligo**

La atmosferaj defaligoj estas rezulto de malaltigo de la temperaturo ĉe la atmosfera akvovaporo. Tiu fenomeno donas al la vaporeroj eblecon por kuniĝo pere de koheriga forto en pli grandajn erojn, kiuj tiam falas sur la tersurfacon.

La atmosferaj defaligoj okazas laŭ la jenaj formoj. Proksime de la tersurfaco: Roso kaj frosto (prujno) kaj en pli granda alteco: pluvo, hajlo kaj neĝo. Tre karakterizaj en niaj subtropikaj regionoj estas la malvarmaj aermasoj plenaj je malvarma kaj seka aero kiuj moviĝas de polusaj al ekvatoraj regionoj kun varma kaj humida aero. Vidu la bildon 4.

**Nia sento pri komforto**

Nia sento pri malvarmo aŭ varmo dependas de la temperaturo kaj de la relativa humideco. Kiu vivas en loko kie la humideco estas malalta, ŝvitas libere kaj povas facile elteni temperaturojn super la 37°C. Male je loko kun tre malseka aero ni suferas pro varmego je temperaturo de 25°C. Ne estas la varmo sed la humideco kiu malbonfartigas nin. Vidu la bildon 5. La klimatiziloj samtempe malaltigas la temperaturon de la aero kaj demetas la troan humidecon.



bildo 4

## LA BAHAA KREDO

Spirite suferantaj, veron serĉantaj kaj anime malfermitaj homoj certe trovos en la instruoj de ĉi tiu kredo ne nur la respondon al turmentigaj demandoj, sed ankaŭ fidindajn direktilojn por anima vivo.

La fondinto de la Bahaa Kredo estas Baha 'u' llah (Gloro de Dio), kiu proklamis Sian mision, la 21-an de aprilo 1863 en la Ĝardeno Ridvan (apud Bagdad).

Akre persekutita de ŝtataj kaj religiaj potenculoj, ekzilita kaj fine malliberigita en la punkolonio Akko, Li skribe-fiksis Siajn instruojn en multnombraj volumoj. En ili la Fondinto parte ripetas la malnovajn veraĵojn komunajn en ĉiuj grandaj religioj, sed klarigante ilin laŭ novaj aspektoj, pli konvenaj al la konceptokapablo de la nuna homo, kaj aldonante postulojn kaj konsilojn, por starigi novan ordon, justecon kaj pacon sur la tero.

### JEN LA PRINCIPOJ DE LIA INSTRUO

1. La homaro estas unueco.
2. Sendependa esploro de la vero.
3. La fundamento de ĉiuj religioj estas unusola.
4. Religio devas konduki al unueco kaj konkordo.
5. Religio devas esti en akordo kun scienco kaj racio.
6. Samrajteco por ambaŭ seksoj.
7. Antaŭjuĝoj ĉiuspecaj estu forlasataj.
8. Universala paco.
9. Universala edukado.
10. Spirita solvo de sociaj kaj ekonomiaj problemoj.
11. Universala lingvo.
12. Internacia tribunalo.

### VORTOJ DE BAHÁ U'LLÁH

Vi estas folioj de unu branĉo kaj fruktoj de unu arbo.
Ne fieru pro tio, ke vi amas vian patrolandon; sed fieru, ke vi amas la homaron.
La tero estas patrujo por ĉiu homo; ĝi estu tia en konkordo.
La tero estas unu sola lando, kaj la homoj estas ĝiaj civitanoj.
Tiu estas vera homo, kiu sin oferas por la servo al la homa gento.
La fonto de ĉiu klereco estas Ia scio pri Dio.
Religio estas la plej bela rimedo por starigi ordon sur la tero.
La plej grava estas la justeco: ne deturnu vin de ĝi, se vi deziras.
Ne menciu la pekojn de aliaj, dum vi mem estas pekulo.
Via koro estas Mia hejmo; sanktigu ĝin por Mia eniro.

Sendis Paulo Werneck

---

## LEGIO DE UNIVERSALA FRATARO

Post intensa partopreno en la Esperantista kaj Kooperativista Movadoj, mi konkludis, ke la forgeso pri tio, ke siaj agadoj estis akcelitaj de la komuna idealo de Universala Frateco malhelpis, ke multaj esperantistoj kaj kooperativistoj sentis sin plene kontentigitaj de tiuj movadoj.

Tiele kelkaj esperantistoj kaj kelkaj kooperativistoj sentas, ke mankas io al ili en la respektivaj agadoj; io nedifinebla, tia kiel iu spirita bezono; io, kiun ili devus esti farantaj favore al la proksimulo.

Mi kredas, ke tiu nedifinebla io ne estas tiel malfacile identigebla: ĝi estas sendube la bonfarado, la helpo al la pli necesbezonaj membroj de la ĝenerala komunumo, ne nur esperantista aŭ kooperativista, kaj ke, en religiemaj rondoj, estus identigita kiel la "agado de la karitato".

Analizante tiujn rimarkojn, oni povas konkludi, ke estas en la mondo legio de homoj tuŝitaj de la bezono konkretigi la idealon de Universala Frateco. Oni povas ankaŭ konkludi, ke la praktikaj iloj de tiu grandioza tasko estas Kooperativismo kaj Esperantismo. La unua agante precipe en la kampo de Ekonomio, disvolvigante novan sociekonomian ordon mondan kaj la dua agante en la kampo de komunikado, disvolvigante la diskonigadon, je mon-da nivelo, de tiu nova sociekonomia ordo. Ambaŭ kapablas agi tute harmonie, kondiĉe ke ne estu forgesita la tuto de la principoj rekomenditaj de la idealo de Universala Frateco.

Tiamaniere mi perceptis la ekzistadon de Legio de Universala Frataro, kiel societo ne organiziĝinta, en kiu oni povas arigi ĉiujn tiujn ne kontentigitajn homojn antaŭe menciitaj en ĉi tiu teksto.

Ekde la percepto de la ekzistado de Legio de Universala Frataro trudiĝis la ideo organizi ĝin. La unua paŝo tiucele estis difini tiujn, kiuj estus konsideritaj legianoj de Universala Frataro.

### IDENTIGANTE LA LEGIANON DE UNIVERSALA FRATARO

Ne estis malfacile identigi la legianon de Universala Frataro kiel tiu, kiu disvolvas aŭ helpas disvolvi la tri jenajn agadojn: bonfara, esperantisma kaj kooperativisma.

Nun oni povas demandi: Ĉu vi estas legiano de Universala Frataro ?

### LEGIO DE UNIVERSALA FRATARO

Resume oni konkludas, ke Legio de Universala Frataro estas mon-da societo sen jura personeco, konsistigita de la gelegianoj de Universala Frataro, kies agado disvolviĝas pere de formala aŭ neformala aliĝo al la rondoj de Universala Frataro, ankaŭ sen jura personeco, ankaŭ aliĝintaj formale aŭ neformale al la asocioj de Universala Frataro, ĉi tiuj havante juran personecon, por plenumi la necesojn pri justica kaj eksterjustica reprezentado de la Legio.

Finfine, alia demando: Kiel vi opinias pri Legio de Universala Frataro?

Bv. skribi al mi (Poŝtkesto 100.045 / Niterói - RJ / 24001-970).

Alcebiades Geraldo Lopes

# PRAKTIKA UTILECO DE ESPERANTO

Kiam mi partoprenis la lastan esperantan renkontiĝon de Ŝtato San Paŭlo, fronte al la demando ĉu Esperanto estas utila, praktika kaj necesa, mi kuraĝis paroli pri miaj spertoj rilate al la socia rolo de tiu lingvo, kaj ĉi tie mi tion skribe ripetas, konsiderante peton tiurilate.

Mi lernis Esperanton kiam mi estis 15 jaraĝa, kaj tuj kiam la trimonata kurso finiĝis, prof° Arnaldo Vianna transdonis al mia frato Brumel kaj al mi la gvidadon de la kursoj dimanĉa kaj sabata, ĉar li enskribiĝis en fakultato kaj ne plu povos instrui.

Antaŭ tiu respondeco mi multe studis, legadis kaj provis traduki poeziaĵojn en E-on, ekzemple Negrokomerca Ŝipo, de Castro Alves, Soneto XIX de Camões, La Merlo, de Guerra Junqueiro, k.a.

En la jaro 1949-a enskribiĝis, kiel mia lernantino, sinjorino 20 jarojn pli olda ol mi, eksedzigita, kiu havis du gefilojn, kaj kiu post du jaroj edziniĝis kun mi. En la daŭro de 12 jaroj da kunvivado, ni havis tri gefilojn kaj laboris kune por E-o. Iam ni eksciis ke estis fondota "Urbo de la Frateco" en Goiás, kiu ne multe distancas de la esperanta loĝejo "Bona Espero". Tiu urbo ŝirmus 2.000 orfojn kaj tie la instruado de E-o estos devigata al ĉiuj infanoj. Tial ni aliĝis al tiu entrepreno, intencante translokiĝi tien. Por uzi novan metodon tie, mi verkis la librojn Kurso de Esperanto, didaktika, kaj Laŭsistema Studo de Funkcioj, pri matematiko. Tamen, kiam ĉio estis preta por nia aliro, en la jaro 1963-a, mia edzino suferis akcidenton kaj mortis.

Mi, kiel vic-prezidanto de "Urbo de la Frateco", ne forlasis la ideon, kaj tial ke



por vivi en tiu urbo la prezidanto metis la kondiĉon ke mi estu edziĝita, mi edziĝis kun alia el miaj lernantinoj de Esperanto, tuj post ses monatoj. Vere ne pro amo, sed por loĝi en tiu menciita urbo. Tamen, dum brazila simpozio por la fondo de la urbo, ni vizitis ĝian farmon konstatinte ke la partoprenontoj ne komprenis bone la idealon, ne serioze sin dediĉis al ĝi, iom fantazie ĝin interpretis, krom aliaj nekonvenaĵoj, kaj ni ne riskis loĝi tie. Nur hodiaŭ, post 32 jaroj mi raportas pri tio, kaj mi rekonas ke ni estis tute pravaj.

Tiu dua edziĝo daŭris 25 jarojn, dum kiu ni havis tri gefilojn. En la lastaj kvin jaroj de tiu edziĝo mia kunulino ĉiam ripetadis ke ŝi volas eksedziĝi kaj indikis al mi kelkajn inter siaj amikinoj kiuj estis eksedziĝitaj, por ke mi elektu unu el ili kaj tiel konkretigi ŝian deziron pri libereco. Mi rezistis kiom eble, kaj mi vere analizis kiu povus esti mia estonta edzino sed ne inter ŝiaj amikinoj. Fine, kiam mi elektis estontan edzinon inter miaj eksedziĝitaj lernantinoj de E-o, mi akordis kaj nia laŭlega disiĝo okazis en la 6-a de aprilo 1989-a. En la sekvanta tago mi kaj Maria José, kiu havas kvar filinojn, organizis novan hejmon.

Tiel, pere de Esperanto,mi sukcesis edziĝi trifoje kaj havi ses gefilojn. Krom ili, mi akceptis ses duongefilojn, kiujn mi konsideras kiel miaj gefiloj ĉar vere mi devis preni sur min la rolon de iliaj patroj, ĉiusence. (Klerulo jesis al mi ke laŭ la antropologio ekzistas diferenco inter viroj kiuj havas gefilojn: kelke da ili estas rekonataj kiel patroj, aliaj nure kiel reproduktantoj. Mi pensas ke oni devus aldoni alian kategorion: superpatroj, anstataŭ la humiligaj esprimoj duonpatro kaj vicpatro).

Ĉu mi edziĝos denove? Nur Dio scias. Sed mi kutimas diri ke tio ne estas ekster la probablaj eblecoj, kaj tial mi ankoraŭ instruas E-on, precipe al eksedziĝintinoj.

Newton Monteiro

# LA ETERNA AMO

La amo, kiun S-ino Zelia sentis por sia edzo estis konata de ĉiuj. Kelkiuj admiris, la aliaj kritikis ŝin, sed ĉiuj klopodis kompreni ŝian senfinan amon, kiun ŝi ĉiutage promesis por ŝia amata edzo dirante: "Mi amis neniun tiel, kiel mi amas vin. Mi ne estus kapabla alrigardi al iu alia viro, nur vin mi amas por ĉiam." Tiujn deklarojn ŝia edzo silente, sed per fripona mieno aŭskultis, akceptis kaj pli kaj pli postulema iĝis.

Zelia per sia halucinacia kaj profunda amo senlace laboris hejme kaj en la komerco kun sia edzo, Felikso. Sola ŝi kun du filoj klopodis kontentigi ĉiujn hejme. Nokte ŝi prizorgis la lecionojn de la filoj, preparis manĝon por la sekvanta tago. Ŝi ĉiam zorge ŝparis la monon, dum Felikso volonte pagadis la elspezojn de siaj amikoj en la restoracio. Kutime li trinkis bonkvalitan viskion kaj vinon en la klubejo.

Ĉio marŝis bone ĝis kiam Felikso, neatendite havis apopleksion kaj devis hospitaliĝi. En la hospitalo Zelia flegadis lin dum semajnoj kaj malgraŭ la atletika forta viro, li havis novan apopleksion kaj mortis.

Zelia en profunda tristo ne forlasis la ĉerkon eĉ unu minuton. Ŝtoniĝite ŝi rigardis sian amatan Felikson, al kiu ŝi edziniĝis tre juna kaj sentis sin realigita kaj feliĉa, ĉiam zorgante, ke neniu virino ĵetu siajn okulojn al ŝia amata edzo.

Dum la prigardo de Felikso, regis netolerebla varmego en la salono, kie troviĝis la ĉerko. Malgraŭ la peto de la filoj kaj geparencoj Zelia, nigre vestita en profunda funebro, ne ŝancelite staris apud la ĉerko. La geparencoj retiriĝis el la salono por lasi la edzinon resti iom pli kun ŝia amata Felikso. Ili pritraktis la nuntempan sanstaton de Zelia, timante por ŝia sano, tiel neniu rimarkis la alvenon de iu nekonatulino, ankaŭ en nigra vesto kaj okulvitroj, kiu stariĝis ĉe la alia flanko de la ĉerko kaj amare ekploris. Zelia nekredeme rigardis la nekonatulinon, fine ekmoviĝante alproksimiĝis kaj demandis: "Ĉu vi konis Felikson?"

- "Ho,ve! se mi konis? Li estis al mi dum la lastaj jaroj ĉio. Ni konatiĝis kaj li akompanis min hejmen kaj poste li regule vizitadis min. Li solvis ĉiujn problemojn miajn kaj tiujn de miaj gefiloj. Ni nur ne unuiĝis ĝis nun, ĉar mi ne eksedziniĝis ankoraŭ, sed li jam traktis tion ankaŭ, kaj pro tio ke li havas maljunan patrinon kaj fratinon, kiujn li ne volis ĝis nun forlasi. Kaj vidu nun okazas tio! Vi certe estas lia fratino, ĉu?"

Ŝi ankoraŭ ne finis la frazon, kiam Zelia alproksimiĝis kaj per tuta forto vangofrapis la brunulinon, kies buŝo kaj nazo eksangis tuj. La ĉeestantaro surprizita, pro la neatendita okazaĵo, penis helpi al la brunulino kaj forigi ŝin el la salono, kie la furioza Zelia intencis daŭrigi la vangofrapadon.

Poste ŝi alproksimiĝis al la ĉerko, kaptis la ŝultrojn de la kadavro kaj senespere skuadis ĝin dume ŝi, pendigis sur ĝin la epitetojn, kiel "vi marodisto, mensogulo, kanajlo "kaj aliaj, reĵetinte lin en la ĉerkon, tiel malfeliĉe, ke la kadavro batis la kapon sur la rando de la ĉerko kaj restis duonpendigita, kiel sako de neutilaĵoj.

Zelia, jam pli trankvila, deklaris: "Sciu vi fripono, ke mi ne pagos vian entombigon, kaj mi ne diros al iu ajn plu, ke vi estas mia unika kaj eterna amo. " Ŝi iom fiere levis sian kapon kaj triumfe forlasis la salonon.

Esperantigis Marga

## NIAJ FIDELAJ AMIKOJ



Ili staras je nia dispono en ĉiu tempo, kiel dediĉaj servantoj, ĉiam pretaj kontentigi kaj orienti nin. Ili fiere viciĝas sur la bretoj, kiel konvenas al bonedukitaj amikoj kaj humile helpas nin, per iliaj informoj. Ili ne protestas se ili estas starantaj sur elstara loko, kie ili nepre ornamas la medion, aŭ se ili estas jetitaj en iun angulon, kiel neutilaĵoj.

**Mi parolas pri niaj ĉiamaj amikoj: la LIBROJ**

La aŭtoron de iu verkaĵo ni preskaŭ neniam konas persone, sed ĝi iĝas tuj nia konfidenca kunkulpulo, kiam ni legas la libron. La verkisto de iu libro disponigas kaj nevolonte ofertas al ni, ĝian tutan ekziston, foje kaŝe foje ne.

La libro vere akompanas nin ekde nia naskiĝo, ĝis niaj lastaj tagoj de nia vivo. La patrinoj, atendantaj siajn idojn, legas la konsilojn de la kuracisto. Por distri la idojn aĉetas bildlibrojn por la etuloj. Poste la libroj helpas al ĉiuj ellerni la "A,B,C"-on, kaj servos nin dum la tuta vivo.

La verko pri poeziaĵoj, elkovras al ni la plej kaŝajn amsentojn kaj susurojn de la geamantoj. La prozo rakontas al ni pri la arda amo aŭ malamo de la homaro, eĉ de la nacioj. Pri paco kaj milito, pri belo kaj malbelo.

La sciencaj, pri la novaj eltrovaĵoj, sukcesoj aŭ nesukcesoj, dramoj kaj katastrofoj, konkeroj kaj frakasoj. Sen ili nia vivo ja estus malplena kaj tro soleca. Ni estus ignorantoj pri ĉio.

La vortaro helpas al ni trovi la ekzaktan esprimon aŭ vorton necesan, kiu jus fuĝis el nia menso.

La libro pri kuirarto, atentigas kaj instruas nin kiel prepari bongustan kaj taŭgan nutraĵon, kio estas grava por nia sano.

Lernolibro pri Esperanto, helpas nin alpropriĝi korekte la Internacian Lingvon kaj sciigas nin pri ĝia historia evoluo dum la jarcento. Certe ĝi akompanos la evoluon de la Mondlingvo en la dua jarcento de ĝia ekzisto.

Estas eble renkonti ilin en elegantaj montrofenestroj, aŭ sur la rusta tablo de iu stratvendisto, ĉie ili humile sinoferas al ni kvazaŭ dirante "Kunportu min, mi volas esti via amiko kaj kunkulpulo. Mi ne perfidos vin, mi volas kaŭzi al vi ĝojon, eltiri vin el la soleco, instrui vin pri tio, kion vi ne scipovas. Mi kondukos vin tra la mondo, instruos al vi fremdan lingvon, ĉar mi estas via sincera kaj lojala amiko. Mi riĉigos vian vivon; vi ne plu estos soleca, mi ĉiam kaj ĉien akompanos vin."

Ĉu iu povas imagi pli belan bildon ol tiu, kiam en iu trankvila angulo sidantaj geavoj, blankharuloj iom lacaj, sed serene legas la Biblion?

Amu ni la librojn, ĉar ili amas nin ankaŭ.

Maria Almada

## ESPERANTO - LA LEĜO - LA LERNEJO

*En la Esperanto-Kongreso, realigita en San-Paŭlo, jul/1993, inter aliaj, estis prezentita laboro kun la titolo supra.*

*De ĉiam oni scias ke tiu afero estas interesa al la esperantistoj.*

*Esperanto en la lernejojn, jes aŭ ne? Estas frue pensi tion aŭ ne? Se oni ne devas pensi pri tio, oni ne pensu. Sed se oni devas, kiel kaj kiam agi, aŭ pli agi?*

*Neniu povas fari ion ajn, se ne estas bone informita pri ĝi. Ni, esperantistoj, devas informiĝi pli profunde pri la leĝaj dispozicioj kiuj regas tiun aferon.*

*La leĝo kiu regas la 1-an kaj 2-an gradan instruadon de Brazilo estas tiu de nº5692, de la 11-/8/1971, modifita per la leĝo 7044, de la 18-a/10/1982.*

*Post leĝo, ĝenerale venas dekretoj, rezolucioj, ktp. kiuj reglamentas la leĝon. Pri la supra afero venis la Rezolucio nº 8, de la 1-a/12/1971, kiu estis poste nuligita per la Rezolucio nº 6, de la 26-a/11/1986, nun reganta. Diras ĉi tiu rezolucio:*

*"Artikolo 3-a: La instruado de almenaŭ unu Fremda Moderna Lingvo estas deviga en la 2-a grado kaj rekomendita por la 1-a grado, prefere ekde la 5-a studserio."*

*Tiu artikolo estas grava por ni.*

*Miaopinie oni devas serĉi la Nacian Konsilantaron pri Edukado (NKE) kaj tuŝi la aferon. Tion farinte oni scios, almenaŭ, tion kion ili pensas.*

*Inter aliaj, oni povas sugesti la sekvantan modifon de la artikolo:*

*"Artikolo 3-a: La instruado de almenaŭ unu Fremda Moderna Lingvo, **aŭ de Esperanto laŭ opcio de la lernantoj aŭ de siaj patroj aŭ respondeculoj**, estas deviga en la 2-a grado kaj rekomendita por la 1-a, prefere ekde la 5-a studserio."*

*Euclydes Geraldis de Carvalho*

## LETERO DE LA PREZIDANTO

BEJO ne povas preterlasi ĉi tiun historian momenton laŭdi la reaperon de la revuo "Brazila Esperantisto", kiu, laŭ ni, antaŭenigas E-Movadon Brazilan al sia vera loko en la mondo. Ni devas konvinkiĝi, ke nia movado estas unu el la plej fortaj. De longe la Brazila E-Movado atendas ĉi tiun momenton kaj mi persone kiel e-isto kaj BEJO-prezidanto salutas la nunan BEL-estraron pro sia bonega laboro favore al organizado kaj regado de la Brazila E-Movado. BEJO profitas ankaŭ la okazon danki al kompetentegaj redaktistoj, nome Symilde kaj Gilbert Ledon kaj BEL estraro kore cedi ĉi tiun spacon al BEJO.

Kiel konate, almenaŭ de e-istoj aktivaj, BEJO havas organizajn kaj aliajn, malfacile solveblajn de nestabilaj gejunuloj. Kiam ni decidis kanditatiĝi al BEJO-estraro, nia ĉefa celo estis kiamaniere definitive solvi tiujn problemojn, kaj ni alvenis al la konkludo, la nura, laŭ ni, (aliulaj susgestoj bonvenas) maniero solvi la problemojn estas la kunfandiĝo de BEJO kun BEL, iom simile al TEJO/UEA, sistemo. Ni jam ekkomencis pridiskuti kaj redakti la dokumenton prezentotan al la Brazila Kongreso de Esperanto, dum Julio, en Juiz de Fora.

BEJO-estraro esperas, ke ĉiuj BEJO-anoj kaj aliaj partoprenu specialan kunsidon por pridiskuti tiun dokumenton. Tiamaniere vi helpos BEJO-n. Ni kalkulas je ĉiuj!

Ilmar Gomes Ferreira
BEJO- Prez.

## MI DEZIRAS...

Karaj junaj gesamideanoj: Por mi estas granda plezuro skribi al ĉiuj, precipe ĉar mi estas optimista rilate al la progreso de BRAZILA ESPERANTISTA JUNULARA ORGANIZO. Kiam mi partoprenis la 30an BKE, mi ne imagis ke la brazila movado estis tiel vigla kaj kreskanta. Tio estas stimulo por la restarigo de BEJO!

Nuntempe nia organizo estas en periodo de transiro, pro tio necesas ke ni ĉiuj laboru kune, ke ĉiuj proponu ideojn. Ni akceptas plurajn, ĉu de la reprezentantoj, ĉu de komencantoj ktp.

Mi tutkore dankas vin pro la atento.

Miguel Ângelo C. Praça
BEJO Vic. Prez.

## LA ASTERIOJ

Kelkaj rakontoj estas indaj je senlima ripetado. Jen unu el tiaj pri knabo, kiu emis antaŭsavi asteriojn:

Poeto senzorge promenadis sursable, tra bela kaj dezerta plaĝo. Neatendite, li ekvidas knabon kaŭranta. Ĉirkaŭe, centoj da asterioj - pro la malaltiĝo de la tajdo - kuŝas sub la sunradioj. Demandita de la poeto, pri tio, kion li faras, la knabo klarigas, ke li estas remetanta ĉiun asterion en la maron, antaŭ ol la suno ilin detruos.

- Sed, junulo mia - diras la poeto - estas tiom da asterioj, ke tiu via klopodo ne okazigos eĉ la minimuman diferencon.

- Jes, tion mi scias. Tamen, por tiuj, kiujn mi antaŭsavas estas granda diferenco - respondas la knabo, sen interrompi sian laboron.

Pripensante tion pluiras la poeto. La sekvantan tagon, li denove renkontas la junulon en la sama situacio. Sen vortigi eĉ penson, krom la afabla esprimo "bonan tagon", li kaŭriĝas kaj ekpartoprenas tiun taskon, antaŭe taksitan de li kiel senutila.

Kiam mi rimarkas la klopodojn faratajn de kelkaj el niaj samideanoj por disvastigi Esperanton, tuj venas al mia kapo la memoro pri tiu rakonto. Kiel oftege ili aŭdas komentojn similajn al tiuj de la poeto: " - Sed, viaj klopodoj ne faros eĉ etan diferencon! Jam estas internacia lingvo fariĝanta deviga pro ekonomiaj kialoj. Batali kontraŭ tio estas senefike."

Tiam, mi dirus:" - Sed, por tiuj, kiuj lernis Esperanton, la diferenco montriĝis grandega! Ili forlasis la terenon de la hipotezoj kaj konstatis, per praktikado, la taŭgecon de neŭtrala lingvo internacia. Ili eksentis sin pli utilaj al la socio, agante kiel pioniroj konstruantaj pli bonan mondon.

"LA KLOPODOJ POSTULATAJ DE ĈIU HOMO, KIU VOLAS SINDEDIĈI AL LA LERNADO DE ESPERANTO ESTAS TIEL MALGRANDAJ, KAJ LA REZULTOJ TIEL GRANDAJ, KE NENIU RAJTAS RIFUZI LERNI ĜIN. (Leon Tolstoj)"

(la portugallingva originalo estas publikigita en ĵurnalo "Diario de Itabuna", de la 7-a de Septembro 1994, el la urbo Itabuna-BA, Brazilo)

Fernando J. G. Marinho

## RODIN EN BRAZILO.

Ekspozicio de la franca skulptisto Ausgust Rodin (1840-1917) okazis en la Nacia Muzeo pri Belartoj, ŝtato Rio de Janeiro. Inaŭgurita je la 17a de Marto, ĝi vekis grandan atenton en ĉiuj inform-medioj. Ĵurnaloj, radi-kaj TV-stacioj reliefigis la gravecon de tiu ekspozicio. Vere mirinda kaj unuafoje prezentita al la brazila publiko, ĝi konsistas el 58 skulptaĵoj el la majstro Rodin, kiuj ampleksas ekde liaj unuaj laboroj ĝis kiam li JAM estis fama artisto.

Oni povas vidi mond-konatajn skulptaĵojn, kiel "La Pensisto", "La Kiso" kaj "Balzac". Vidante ilin, neniu imagus ke Rodin naskiĝis en malriĉa familio kaj jam 14-jaraĝa li nebone skribis aŭ legis, sed male, nur desegnis... Eĉ la inklino al skulptarto venis el neceso: ĉar li ne havis monon por aĉeti inkon kaj kopii la pentraĵojn el la Muzeo Louvre (Parizo), li restis nur en ĝia skulptarta sekcio. Tie li havis la ŝancon kompreni la esencon de skulptarto, ĝian forton kaj regulon.



## LA ĜARDENO DE LA SENSOJ

(Ronaldo de Oliveira)

Vi povas taksi la titolon poezian, kaj vi pravos, sed tiu ĝardeno vere ekzistas kiel parto de la Botanika Ĝardeno de Rio de Ĵanejro.

Speciale planita por blinduloj, ĝi konsistas el bedoj altaj je la pelvoj, limigitaj per cementaj muretoj, kie oni trovas tubplastajn manapogilojn. Ili agas kiel kondukilon tra la koridoroj de la ĝardeno, kiu mezuras proksimume 100 M2. Ĉar la celo estas permesi rekonon de plantoj al nevidantoj, tie ĉi oni escepte permesas ke ili tuŝu kaj flaru ilin.





Iniciato de la Botanika ĝardeno kune kun Instituto Benjamin Constant (por blinduloj) kaj benzen-kompanio Texaco, la ĝardeno havas malgrandajn ŝildojn kun brajlaj klarigoj antaŭ planto.

"- Ni plantis nur plantojn uzatajn en kuirarto aŭ medicino. Vizitantoj ĝojas klopodante diveni ĝiajn nomojn." informas la juna blindulo Itamar, gvidisto de la ĝardeno.

"- Mi scias pri tre malmultaj similaj projektoj: unu en la sudbrazila urbo Kuritibo kaj aliaj eble en Francujo. Nia ĝardeno ankoraŭ estas modesta. Ĝi estis inaŭgurita dum Marto ĉi-jare kaj vekis la atentojn de pluraj, personoj, blinduloj aŭ ne, kiuj vizitas nin. Certe baldaŭ ĝi pligrandiĝos!"




## ANDRE LUIZ GODOY

1. Malmola, fortika, kalkeca substanco, speco de konektiva histo, el kiu konsistas la skeleto de la vertebruloj, kaj kiun oni uzas industrie. Ĉiu el la ~aj pecoj, el kiu konsistas la skeleto (sen finaĵo).

2. (netranzitiva verbo). Forte kaj vive sin jeti antaŭen: la ondoj ~as kontraŭ la bordo (sen finaĵo)

3. Granda muzika blovinstrumento, kun tuboj, klavaroj kaj pedalaro, uzata precipe en preĝejoj (kun akuzativo)

4. Tabulo anoncanta la detalojn de teatraĵo, koncerto, ceremonio, festo televizia prezentado, ktp.

5. Malgranda nordafrika, serpento el la familio de vipuredoj; ĝi vivas kaŝite en la sablo, ĝiaj okuloj estas turnitaj supren; unu specio havas du kornosimilajn elstaraĵojn sur la kapo.

6. Longa rekta ornama sulko (sen finaĵo).

7. Malgranda, malintensa. Oka litero de la greka alfabeto, h, n (= longa e).

Solvo paĝo 22

# SOLA

(Al Donjo)

Sur placo bruega amaso da homoj
Gajas kaj ridas
Kontente.
En kaĝo fermita la birdoj pepetas,
Turnas, returnas
Petole.

Odoraj kaj belaj ekfloras la arboj:
Rampas la vermoj
Agemaj.
De fortepiano agorda per tremo
Vibras aero
La pura.

De ĉio, de ĉie, de l'tero ĉielen
Bruas la vivo
Ridanta.
Silenta, malĝoja, en mez' de feliĉo
Mortas sopire
Mi, sola !

Nuno Baena

# KOMENTARIOJ AL LA POEMO "SOLA"

1) Malgraŭ la poemo temas pri soleco oni nur scias tion en la tri lastaj linioj. Antaŭe la aŭtoro priskribas ĉirkaŭaĵon plenvivan. Kontraŭe al ĝia fino, la poemo montras esence movon; tiel oni trovas la ag-verbojn turni, returni, rampi, vibri, La vivo sin montras "kontente", "petole", "agema", "pura", kaj "ridanta"; spite la aŭtoro estas sola, "en mez' de feliĉo".

2) La rim-skemo estas la jena:
1a. strofo: a,b,c, b,b,c.
2a, strofo: a,a,ĉ a,a,ĉ.
3a. strofo: c,a,ĉ a,c,c.

Oni rimarkas planadon en la dua strofo. Ĉu ĝi estas intenca aŭ ne? Eble Nuno Baena ne sin okupis pri tio, ĉar en la du restantaj li ne sekvis skemon.

3) Rilate al silaboj, ĉiuj strofoj sekvas la skemon 11,4,2,11,4,2.

Ulo neatenta povus konti la silabojn de la tri unuaj versoj el la unua strofo tiel: 10, 4,2. Li rimarkus malsimilecon inter ĝi kaj la versoj el la strofoj sekvantaj (11,4,2). Sed, atentu: ĉar en esperanto ĉiujn vokalojn oni prononcas aparte, estas eraro kunprononci la vortojn "bruega amaso" ( la litero "a" estas nur unu sola). Pro tio Nuno Beana pravis kaj estas korekta kiam li konsideras la silab-skemon 11,4,2 por ĉiuj strofoj.

## AMO KAJ DRAMO DULINGVA.

En la Ŝekspira tragedio "Romeo kaj Julieta" prezentata de la teatra trupoj "Al-Kasaba" kaj "Kahn", preskaŭ ĉio okazas laŭ la verko de la aŭtoro.

Venkinte multajn problemojn, la palestina teatra trupo "Al-Kasaba" kaj la israela "Kahn" decidis kunligi fortojn kaj surscenigi historion kie nun Romeo parolas la araban kaj Julieta, la hebrean.

Invititaj partopreni la 5an. San-Paŭlan Internacian Teatro-Festivalon, okazonta dum Oktobro ĉi-jare, la organizantoj projekcios sursceneje la dialogojn en la portugala. Antaŭe ili ripetis tiun sistemon dum la prezentadoj en Parizo, Lilleo kaj Berlino, kiam estis uzata la franca aŭ angla. Krome, estas konfirmitaj vojaĝoj al Zuriko, Bergeno kaj al Venezia Bienalo.

Malgraŭ tio ke la prezentado sekvas la originalon rilate al reĝisorado, vestoj k.t.p, ŝanĝo rimarkindas: je la fino, kiam la geamantoj jam mortis, la du malamikaj familioj ne decidas vivi pace. "-Restas en la aero ke ankoraŭ ekzistas longa vojo", diras S-ino Paula Karelic, Internacia Promociistino de la spektaklo, "-Kaj ni esperas, ke ĝi estu komplete trairota.".

Ekzemplo de strebado, la roluloj pruvas ke amantoj, eĉ se parolas malsamajn lingvojn, sin komprenas.

Verkita de R. Gaudard

SATIRE




" - Ĉu vi certas, ke nia propagando bone efikos?"

Verkis kaj desegnis
Ronaldo de Oliveira - 1995




"BEJO atendas vian kontribuon!
Sendu vian materialon al C.P. 840
20001-970
Rio de Janeiro, RJ"

## NOTOJ PRI "AMA STELARO"

Ronaldo de Oliveira

"Ama Stelaro", la unua libro verkita de brazilano en la Internacia Lingvo Esperanto, estis eldonita de Oskar Ziegler & Co (Bayern), en la jaro 1922. Ĝin verkis La Forgesito, kaŝnomo de Nuno Baena, naskiĝis la 25 an de Julio 1865, en la norda ŝtato Pará. Kiel kuracisto de la Brazila Mar-Armeo li havis ŝancon vojaĝi tra la tuta lando kaj ankaŭ eksterlanden.

En 1906, li partropenis la starigon de Brazila Klubo Esperanto, estinte ĝia unua vicprezidanto. Ankaŭ li fondis kaj gvidis la unuan societon kiu aperis en Belém do Pará: "Norda Matena Stelo", en 1909, kaj grupon "Energio", en 1921. Delegito de UEA en ŝtato Pará kaj Rio de Janeiro, li ĉiam plenumis laŭdinde sian taskon.

Oni rakontas ke, dum la komenco de la Brazila E-movado, la tiamaj esperantistoj ricevadis diplomojn pri profesoro ĉe kongresaj kunvenoj. Okaze de la unuaj kongresoj, ĉiuj eminentuloj ricevis diplomojn. Oni ne scias kial, al d-ro Baena ne estis donita tiu titolo. Lia ĉagreno evidentiĝis kaj li decidis ekde tiam uzi la kaŝnomon "La Forgesito".

En la revuo "Brazila Esperantisto" n-ro 11/12, Okt. aperas ke li mortis la 11-an de novembro 1922, dum en la "Analoj de la 15a. Brazila Kongreso de Esperanto", eldonita de Brazila E-Ligo en la jaro 1957, aperas la jaro 1923. Mi kredas ke la vera dato estas 1922, kaj tiu de la analoj temas pri preseraro.

En la enhav-tabelo de "Ama Stelaro" oni legas, ke kelkaj poemoj aperis antaŭe en E-gazeto. Vere mi trovis kelkajn en la tiuepokaj "Brazila Esperantisto" ( ĉefa konsult-fonto por ĉiuj esploristoj). Sed aliajn eble publikigis eksterlandaj revuoj.

## PROVIZORA PROGRAMO DE LA BEJO-KONGRESO EN JUIZ DE FORA JULIO/95

09 - Dimanĉo
- Estas malfermita la kongreso.

10 - Lundo
- 10:00 - BEJO kunsido (sekcio)
- 14:00 - Kurso pri pup-teatraĵo (Telles)
- 16:00 - Kunsido kun la reprezentantoj
- 20:00 - Arta vespero

11 - Mardo
- 10:00 BEJO kunsido (bulteno)
- 14:00 (Telles)
- 16:00 Kunsido kun la reprezentantoj

12 - Merkredo
- 14:00 (Telles)

13 - Ĵaŭdo
- 10:00 - BEJO kunsido (estrar-raporto)
- 14:00 (Telles)
- 21:00 Balo

14 - Vendredo
- 10:00 - Ĝenerala Asembleo de BEJO (Balotado rilate al diskuttemoj)

## BEJO-PROMENADO

Je la 23-a de Aprilo en la kvartalo Tijuca, Rio de Ĵanejro, renkontiĝis 7 junuloj cele promeni en Tijuca-arbaro. Ĝi estas la plej granda urba arbaro en la mondo. Oni ĝin detruis por planti kafon. Nur antaŭ cent kaj kelkaj jaroj la imperiestro Dom Pedro la dua, rearborigis ĝin. Tie vi trovas krom naturaj belaĵoj, muzeojn, domegojn, kaj kiel ĉie preĝejojn.

Nia celo estis piediri ĝis unu el la plej altaj lokoj de la arbaro, nomata Beko de Papago. Sed pro la pluvego, kiu falis antaŭ du tagoj, ne eblis iri ĝis la pinto, ĉar la vojo estis netrairebla, tiel ni decidis sekvi alian vojon en la arbaro kaj post duhora piedirado tra la arbaro ni atingis muzeon, nomatan Muzeo de akvo-baraĵo "Muzeo do Açude". Ĝi posedas spegulon el akvo. La meblaro estas de XVIII kaj XIX jarcentoj, tie ankaŭ videblas indiĝenajn faraĵojn de majstro Vitelino, kiuj spegulas la nordorientan kulturon. Venu spekti je viaj propraj okuloj. Post du horoj kaj duono, precize je tagmeze kaj duono ni finis la duan promenadon de BEJO. Helpu nin antaŭenigi BEJOn.

# LENON

VERKIS KAJ DESEGNIS: F. ARTULANO
ARTO: RONALDO DE OLIVEIRA










































# 2001...ODISEADO EN LA SPACO DE CURITIBA!

JANUARE 92: Surstrate de Barra-do-Garças, mia amiko Vergilio Cruz vokis min kriante: -Amarilio, en 95 okazos giganta Universala Kongreso de Esperanto en Curitiba, ĉu vi partoprenos? -Ho, kara frenezulo, kiel mi povas partopreni ion ankoraŭ neprogramitan? - Respondis mi duonmokeme, sed dankante la informon. Tuj reatakis Vergilio: -Kredu, Amarilio, mi tute certas, ke en Curitiba okazos UKE; sonĝe mi vidis vin tie dum la lasta nokto, antaŭ Teatro Guairão, ĉe multaj esperantistoj el la tuta mondo. Mi forte enviis vin - emfazis Vergilio - ĉar dum vi flue parolis en Esperanto, gape mi kontentiĝis nur per la ridantaj mienoj de la simpatia grupo... SEPTEMBRE 92: En Castro, okaze de la ŝtata renkontiĝo de Parana E-Asocio, mi entuziasme rakontis al ĉiuj la sonĝon de mia amiko Vergilio, ĉar de longe mi revas pri UKE en Curitiba. Bedaŭrinde la reago ne estis kontentiga, mi devas konfesi. Malgraŭ tio , okaze de l' lasta Brazila Kongreso de Esperanto en Natal, mi kuraĝis denove proponi Curitiba por la 86a UKE. Kial mi proponas Curitiba? Facile vi povas kompreni, ĉar: 1 - En Brazilo nur kuritibanoj apartenas al la Unua Mondo. La ceteraj nur al la tria. 2 - Guairão, imponega teatro en la koro de Curitiba, kun pli ol 3.000 luksaj sidlokoj, fariĝu la kongresejo. 3 - Vila-Velha, Ópera-do-Arame kaj pluraj aliaj turismaj allogaĵoj - ĉefe Curitiba - forte ravus ĉiujn kongresanojn. 4 - Akademiano Geraldo Mattos, Gloria Perine, Jorge Telles, Gert Drucker k.a. ja kompetentas plugi la tiean "kamparon": lerte ili organizus altnivelan kongreson por fruktodona rikolto. 5 - La aorto de Curitiba, Av. 15a de Novembro (sen iu ajn veturilo: nur piedirantoj), kie homoj svarmas ...gastiĝas, butikumas, babilas, bierumas, flustras, amindumas, klaĉas... etendiĝas ĉe la enirejo de Teatro Guairão, kaj kompreneble fariĝus la plej longa verdstela kongresejo de la mondo, ĉirkaŭ mil metroj!

Se Simo Milojeviĉ, Ĝenerala Direktoro de UEA, tuj vizitos Curitiba, mi ne dubas, ke li senhezite aprobos la ideon. Li, senlace laborema samideano, sentos sin hejme, ĉar Curitiba estas bolanta kaldrono plena je eŭropaj nacioj kaj kulturoj en Sud-Ameriko. Ho, jes, pro pluraj kialoj mi de longe revas pri UKE en Curitiba, ĉar UKE en tiu mirinda urbo nepre fariĝus neforgesebla travivaĵo, vera odiseado en la spaco de Curitiba, en la jaro 2001a...

GRAVE! Antaŭkongreson UEA okazigu en Brasília, por inaŭguri la novan sidejon de Brazila Esperanto-Ligo.

Amarilio Hevia de Carvalho*
Caixa Postal 246
78600-000
BARRA DO GARÇAS-MT



Mian junecon mi pasigis en tuttagaj revoj kaj nun mi devas preni pilolojn por endormiĝi.



- Kiel ridinda esti klaŭno, ĉu?!
- Ne kiam vi scias, ke vi estas tia.

# RESPONDO DE PARANÁ ESPERANTO-ASOCIO

Amarilio Hevia de Carvalho, nia estimata samideano, sendis leteron al ni. Ni restas tro fieraj pro la cirkulero, ĉar la enhavo de ĝi estas tute favora al Universala Kongreso de 2001, imagu, en nia urbo Curitiba. Sed fiero ne sufiĉas por organizi mondskalan eventon. Nia Paraná Esperanto-Asocio ne havas sufiĉan homforton, rimedon, influon en nacia gubernio, sperton, ktp. Nia urbo estas bela sendube, sed tio ne povas esti konsiderata bazo por kongreso. Nia opinio, ke la plej bona loko estas Brasília, ĉar tie estas la nacia organizo de Brazilo, homforto tre kapabla kun bonaj rilatoj kun nacia gubernio kaj UEA inkluzive, krom rimedoj financaj kaj aliaj. Fakte, ni volas kongreson en Brazilo, ne nur en 2001, sed ankaŭ en pli privilegia loko - Brasília. Ni apogas la ideon fari kongreson en Brasilia kaj karavanege ni iros tien! Dankon Amarilio! Vi restos ĉiam en niaj koroj!

PEA-INFORMILO Nº 30
Aprilo-95

# EL LETEROJ RICEVITAJ

"... Esperantio elstaras pro ĝiaj ekscesoj. Dum jaroj en Brazilo eldoniĝis neniu gazeto, nun, krom Brazila Heroldo oni revivigos Brazila Esperantisto. Ĉiuokaze pli bone du, ol neniu. Krom Fonto, pure literatura..." (22/3/95-Leopoldo H. Knoedt)

"... Gratulon pro via kuraĝo repreni la eldonadon de BE kiu, bedaŭrinde, endormiĝis; fariĝis ne sufiĉe klare, por mi, ĉu bonvenas kontribuaĵoj ankaŭ de ne-anoj de BEL tial ke R$ 10,00 monata kotizo tro altas por homoj kiuj volenevole pagendas plurajn aliajn klubajn kotizojn..." (25/3/95-Georgo O. Vaske)

"... Kun kia plezuro mi legis pri la lastaj kaj vere eksterordinaraj decidoj de la Federacia Konsilantaro de BEL! Gratulon al ĉiuj movadanoj! Fakte, mi konstatas, ke la devizo" Ni laboru kune" ne plu estas simpla invito, ĝi ja fariĝis realaĵo, ĉar inter ni estas ne nur idealistoj, sed kompetentaj realigantoj..." (27/3/95-Fernando J. G. Marinho)

"... Kun granda ĝojo mi legis la cirkuleron de marto-95 pri la reeldono de "Brazila Esperantisto".; mi estas certa, ke vi ambaŭ kapablos eldoni tre bonan revuon, kiu portos al la tuta mondo informojn pri nialanda E-movado..." (21/3/95-Délio Pereira de Souza)

"Unue mi gratulas la redaktantojn, pro la kuraĝo akcepti la gravegan taskon kunordigi la revivigon de Brazila Esperantisto. Mi devas konfesi, ke mi preferas monatan eldonadon de "Ligilo", sed mi konsentas pri tio,ke tiu monata eldonado ne tuj alportus pli da mono al BEL, kiel eble oni esperas por Brazila Esperantisto..." (20/4/95-Alcebíades G. Lopes)

"... Harditaj redaktoroj kiel vi ambaŭ, sendube ne seniluziiĝos, se alies kontribuaĵoj estas sporadaj! Kompreneble, oni devos iom persisti por reakiri la fidon kaj intereson de la gelegantoj, post iom da jaroj de malapero de Brazila Esperantisto, sed mi persone estas certa ke la tasko estas en bonaj manoj..." (16/5/95-G. Grattapaglia)

"... Rilate al "Fondaĵo Brazila Esperantisto", mi ne sukcesas akordigi la difinojn, el juraj vortaroj kaj eĉ el PIV, pri "fondaĵoj" kaj "fondusoj", kun la plejmulto de la esperantistaj "fondaĵoj". Vi eble povos uzi viajn kulturon kaj prestiĝon por helpi nian Movadon tiurilate. Mi opinias, ke oni devas eviti trompi la aliajn, vole aŭ nevole. Fondaĵoj en Brazilo, laŭ la Brazila Civila Kodo, havas juran personecon kaj estas submetitaj al kontrolo de la registaro (paragrafo 24 ĝis 30)."
Alcebíades Geraldo Lopes
Caixa Postal 100.045
24001-970 Niterói, RJ

OBSERVO: PIV citas "Fondaĵo", establejo kreita por speciala, ordinare socia, celo, kaj provizita per sufiĉa kapitalo aŭ rento por povi daŭre funkciadi; "Fonduso", kapitalo destinita por aparta, difinita celo.

# PRI LA DEVENO DE LA VERDA STELO

Letero al The British Esperantist. 30/12/1911.

Karaj sinjoroj!

Pri la deveno de nia verda stelo mi nun jam ne memoras bone. Ŝajnas al mi, ke pri la verda koloro iam atentigis min s-ro Geoghegan kaj de tiu tempo mi komencis eldonadi miajn verkojn kun verda kovrilo. Pri unu broŝuro, kiun mi tute hazarde eldonis kun verda kovrilo, li rimarkigis al mi, ke tio estas la koloro de lia hejmo, Irlando; tiam venis al mi en la kapon, ke ni povas ja rigardi tiun koloron kiel simbolon de Espero. Pri la kvinpinta stelo, ŝajnas al mi, ke unue ĝin presigis sur sia gramatiko s-ro de Beaufront. Tio plaĉis al mi kaj mi prenis tion kiel signon. Poste per asociado de la ideoj aperis stelo kun verda koloro.

(El Zamenhof: "Originala Verkaro" Parto V - Nº 52 - paĝo 456

# HUMURO



- Ĉu vi memoras pri niaj pasportoj, karulin?
Jes, kompreneble! Ili estas sekure kaj solide en la malsupro de la kofro



- Kion signifas esti akademiano?
- Estas tio: kiam vi lernis per libroj ĉion kion vi jam sciis antaŭe.

— Kion mi pensas pri mi?



## KONTRIBUOJ

**FONDAĴO BRAZILA ESPERANTISTO**

ALLAN KARDEC AFONSO COSTA 60,00
ARLETE COSTA DE SOUZA 20,00
AYMORÉVAZ PINTO 60,00
DÉLIO PEREIRA DE SOUZA 20,00
ELVIRA FONTES 10,00
EUCLIDES G. DE CARVALHO 10,00
FRANCISCO MATTOS DE OLIVEIRA 30,00
GILBERT RENE LEDON 60,00
GLORIA LUCIA PERINE 30,00
JOSÉ CARLOS DORINI RAMOS 120.00
JOSÉ RÓIZ DE OLIVEIRA 10,00
MANOEL F. DA SILVA SOBRINHO 10,00
MARIJA POZDER ALMADA 50,00
MAURICIO MONKEN GOMES 60,00
NÉIA LUCIA SOUZA 90,00
OSVALDO PIRES DE HOLANDA 120,00
PAULO SÉRGIO VIANA 60,00
ROBINSON MATTOS 10,00
SYMILDE SCHENK LEDON 60,00
WILSON PEREIRA DESLANDES 10,00

# FONDAĴO ALMADA - KONTRIBUANTOJ

30-a BKE-Natal
Adolpho de Miranda Silva
Adonis Marcelo Saliba Silva
Airton Ferreira da Cunha
Alberto Flores
Alberto Guedes Curopos
Alcyr Guedes de Almeida
Allan Kardec Afonso Costa
Altino Ararújo Vasconcellos
Américo Amaxo de Pina
Anápolis Esperanto-klubo
Antônio Félix da Silva
Antônio Gomes da Rocha
Any Vieira da Rocha
Armando Salvador Tuoto
Audino Castelo Branco
Aymoré Vaz Pinto
Caio Márcio Pereira Lyrio
Campinas Esperanto-Klubo
Carlos Alberto Andrade
Carlos Alberto Costa e Silva
Carlos Caixeta Borges
Carlos Fernando da Costa Alves
Carlos Fernando Pettinati Ramos
Carlos Maria
Carlos Prates Castanho
Cícero Ribeiro de Araújo
Cláudia Helena Pontes Amêndola
Cláudio Delandre Elias
Cláudio Raimundo S. Spinelli
Creusa Maria Leone Cezar
Dalva Inês Michelon Bento
Délio Pereira de Souza
Denisard Arneiro
Denise Arneiro Deslandes
Denise Saraiva
Ecy da Silva Ferreira
Edina de Barros Reis
Elias de Lima
Elmano Moreira Carvalho
Eluizio Bueno Rodrigues
Elvira Fontes
Enivaldo Alves Silva
Enzo Forgiarini
Eurico Figueira
Evaldo Pauli
Evaristo Manoel Pereira
Felicíssimo Rosa Borges
Felismar Manoel
Francisca Martos
Francisco Mattos de Oliveira
Geraldo Mattos
Gilbert Renê Ledon
Gilberto Aquino Silva Velho
Giuseppe Grattapaglia
Hans Herbert Hubart
Helmuth Schenk
Ivaldo Alves de Souza
Izabel Semprini Peçanha
Jader Rodrigues da Silva
Jaime Galdino da Silva
Jair Salles
Jason Gonçalves de Lima
João de Moura Fé
João Otávio Veiga Rodrigues
Joaquim do Couto
Jorge Bastos Furman
Jorge Neves Cezar
José Bastos Campos
José Bispo Correia
José Carlos Dorini Ramos
José Dias Pinto
José Francisco Furtado
José Joaquim Lunazzi
José Mário Marques
José Maurício da Silva
José Passini
José Pauluk
José Pedro Milagres
José Rabello de Paula
José Romão Filho
José Sartori Alves Burger
Josenilton Passos do Nascimento
Julinha Zoraide Feijó Pereira
Kapiŝaba Esperanto-Klubo por Infanoj
Lauro Jorge de Oliveira
Libroservo de BEL
Manoel Borges dos Santos
Manoel Torres Abreu
Margarida Maria Carvalho Monteiro
Maria da Guia Amorim
Marly de Oliveira Moysés
Moacir Eustáquia da Silva
Néia Lucia Souza
Neider Silveira Jatobá
Neima Cardoso Adorno
Nélio Vicente Costa
Neuzito Santos
Neusa Priscotin Mendes
Neuza Caldas Figueiredo
Nydia Aydos Krieger
Oscar de Souza Mello
Osvaldo Pires de Holanda
Paulo Amorim Cardoso
Paulo César S. Oliveira
Paulo Gontijo Veloso de Almeida
Paulo Roberto Siqueira Silva
Paulo Vicente da Mota
Perkoresponda Kurso de BEL
Ramatis Santos Pessoa de Luna
Raul Conde
Regina Helena de Mello Baldovino
Regina Margarida Marques Lemos
Roberto Vieira Resende
Ronie Cardoso Filho
Rosária (?)
Sandálio Avila Farias
Sebastião Pimentel de Assis
Sérgio Biolchini Justo
Sérgio Neri da Mata
Sérgio Pereira de Assunção
Sidney Assis Brasil
Silvia Maria Buhler
Sírio Silva
Soc. Esp. Mato Grosso do Sul
Symilde Schenk Ledon
Tobias Ferreira
Vicente Paulo Werneck
Walkiria Vernacci Lara Rubio
Willy do Nascimento Sales
Wilson Alvares de Oliveira
Wilson Pereira Deslandes

# NOVA VORTARO ESPERANTO-PORTUGUÊS EN PREPARO

Allan Kardec Afonso Costa, aŭtoro de Novo Dicionário Português-Esperanto, eldonita de Federação Espírita Brasileira, preparas vortaron Esperanto Português, kiu estas en fazo de kompostado. La aŭtoro malavare cedis al BEL la rajton eldoni la vortaron, kiu aperos post kelkaj monatoj.



# LA FOSILOJ.

Malnova franca fabelo*

Antaŭ multaj centjaroj iu franca reĝo venigis tri laboristojn kaj diris al ili:

Gravan premion mi donos al tiu, kiu fosos la plej longan sulkon!

La du unuaj laboristoj komencis disputadi pri la kvalitoj de siaj fosiloj.

– Bona fosilo devas esti longa, diris unu.

– Ĝi devas esti larĝa, diris la alia.

Dum ili disputadis, la tria per plimalpi bona fosilo fosis sian sulkon kaj gajnis la premion.

Esperantistoj, karaj kunbatalantoj, ni ne perdu nian tempon, babilante kaj diskutante - ni fosu nian sulkon!

Vivu nia Zamenhofa Esperanto!

*) Dirita dum la tria kongreso en Cambridge 1907 de profesoro Th. Cart, ano de la Lingva Komitato ekde ties fondo. Prezidanto de la Akademio ekde 1920. Mortis 1931.

Kontribuo de A. Flores

Kalendaro
2-a Semestro, 1995



JULIO:
31-a Brazila Kongreso de Esperanto, 9-14/7/1995 Juiz de Fora, MG
SEPTEMBRO:
22-a Esperanto-Renkontiĝo de Sudparaiba Valo, 3/9/1995 Paraiba do Sul, RJ
OKTOBRO:
8-a Sudbrazila Renkontiĝo de Esperanto kaj III-a Interlanda Konferenco pri Instruado, 12-15/10/1995 Campos do Jordão, SP
NOVEMBRO:
9-a Esperanto-Renkontiĝo de Nordoriento, 25-27/11/1995 Muritiba, BA
DECEMBRO:
Esperanto-Renkontiĝo de Ŝtato Paraná, 14-17/12/1995 Foz do Iguaçu, PR








## 21-a Esperanto-Renkontiĝo de Sudparaiba Valo 4/6/95 Campos do Jordão, SP

Plian tradicie vervan renkontiĝon de Esperanto ĝuis la gesamideanoj, en nombro de 48, el ŝtatoj Rio de Janeiro kaj São Paulo de la 9.00-a ĝis la 16.00-a horo en la bieno-gastejo "Maĉu-Pikĉu" de geedzoj Ledon. La programo entenis salutvortojn de urbaj reprezentantoj, legon de la protokolo de antaŭa renkontiĝo, prelegon "Kial la akvo bolas" (S-ro G. Ledon), Konversacian Rondon, gvide de S-ro Ilmar G. Ferreira, Prezidanto de BEJO, kunvenon primovadan (S-ro L. A. de Oliveira Coelho kaj S-ino S. S. Ledon), intervjuon kun Prof-ino Elvira Fontes (fare de S-ino Aparecida L. de Lucas, lernantino de Pedagogia Kurso) kaj varietean prezenton kun enkonduko de S-ro G. Ledon "Kabareta Spirito en la Renkontiĝoj de Paraiba Valo". Etan promenadon en la naturo ĝuis du grupoj de ĉeestantoj. Libroservo kun 60 titoloj ebligis varian elekton, organizita de Esperanto-Asocio de San-Paŭlo. La 22-a ERSV okazos la 3-an/9/95 en la urbo Paraíba do Sul , RJ.

# RENKONTIĜOJ

9-a Esperanto-Renkontiĝo de Ŝtato Rio de Janeiro 19-21/5/95 en Nova Iguaçu

Ĉe la Lernejo Leopoldo la Nova Iguaçu Esperanto-Grupo, sub aŭspicio de AERĴ (Asocio Esperantista de Rio de Janeiro), okazigis tritagan Renkontiĝon, kunordige de ĝia Prezidanto, S-ro Givanildo Ramos Costa, entenante ekspozicion Utinespo kaj libroservon krom varia programo. Ĉi-foje estis omaĝita Prof. Jorge Campos de Oliveira, veterano esperantista kies rememoraĵon, pro lia foresto, ricevis Prof. Fernando J. G. Marinho por oportuna transdono. Pluraj programeroj okazis en portugala lingvo, por ĝenerala informo. Inter la ĉefaj preleg-kaj-kunvenoj citindas la malferma parolado "Praktikeco de Esperanto por komunikiĝo inter popoloj" (S-ro G. Ledon), "Proponoj por simpligo de ordinaraj aritmetikaj kalkuloj" (S-ro José Rabelo de Paula), "Agreso-Regreso" (G. Ledon), "La Rolo de BEJO en la Disvastigado de Esperanto" (S-ro Ilmar G. Ferreira). "Baza Didaktika Minimumo en Esperanto: Ĉu tricent aŭ tri mil radikoj? (Prof. Sylla Chaves), "Malcentrigo Organiza kaj la sekvoj"(S-ino S. S. Ledon), "Regionaj Delegitoj de UEA" (S-ro L. A. de Oliveira Coelho), "Disvastigado per radio kaj televido" (S-ro J. R. de Paula), "Diskonigado per la libroj" (S-ro F. R. Valle), "Proceduro de Disvastigado"(s-ino S. S. Ledon) Aŭkcio kaj artaj vesperoj entuziasmigis la ĉeestantojn.

## KURSOJ

**KURSOJ DE ESPERANTO**

Por bone diskonigi la ekzistantajn kursojn de Esperanto en Brazilo, bv. informi pri ili al la Redaktejo.
ESPERANTA GRUPO "ADOLFO BEZERRA DE MENEZES São Paulo, SP informas pri E-kurso sub gvido de Samideano Joel Moreira Augusto, ekde la 3-a/3/95, kun partopreno de 85 gelernantoj.
CENTRO ESPIRITA CASA DO CAMINHO, kvartalo Itaim Paulista, São Paulo, SP ekde la 5-a/3/95 komencis Bazan Kurson kun partopreno de 20 gelernantoj, gvide de Samideanino Maria da Gloria Gonçalves Militão, kiu ĵus finis paroligan kurson ĉe la sidejo de Esperanta-Klubo Zamenhof, kie Samideano Joel Afonso Francisco, prezidanto de la klubo, gvidas paroligan kurson ekde la 5-a/3/95, kun 6 gelernantoj.
Informis la Vic-Prezidanto de ESPERANTA-GRUPO ADOLFO BEZERRA DE MENEZES, S-ro Osvaldo Pires de Holanda.

**UNIVERSITATO NOVA IGUAÇÚ**

Junie la Nova Iguaçu Esperanto-Grupo okazigis kurson ĉe UNIG, kiu pritemis la "Enkondukon al E-Studado". Tiu ĉi aktiveco ligiĝas al la Akademia Rektorejo, kunordige al disvastiĝo de komunumcela temaro. La kurso estis dum dudek horoj kaj la gelernantoj ricevis ateston de UNIG. De la 24-9 ĝis 1-10, 1995 okazos Esperantista Semajno de Nova Iguaçu.

## STATISTIKO PRI DISKONIGO DE ESPERANTO

Kiel ekzemplo de intensa programo kunordige de S-ro José Rabello de Paula, nuna Direktoro de la Departemento pri Informodo de BEL, laŭ aktiveco de AERĴ kaj KKE en ŝtato Rio de Janeiro, la statistiko en la unua trimestro ĉi-jare, inkludas ne nur lokan sed parte ankaŭ nacian amplekson.(Gazetaro, radio-kaj-TV stacioj, organizoj, kulturaj centroj, intervjuoj, prelegoj, afiŝoj, flugfolioj ekspozicioj k.a. estas celataj por tiu aktiveco).

Resumo Gazetaro .............................29
Kulturaj centroj ...............................90
Radiostacioj ....................................7
TV-stacioj .......................................6
Aliaj ...............................................23
Entute ............................................155

Kulturaj centroj entenas eldonejojn, librejojn, lernejojn (kolegiojn, fakultatojn, akademiojn, universitatojn, ambasadojn k.a.)

De post la starigo de Departemento pri Informado flanke de BEL kun respektivaj respondeculoj kaj integriĝo sistemiga, certe la panoramo de efektiva realigo pli konkrete prezentiĝos, tiel ke oni havu kadre de la landa agado, precizajn detalojn de ekzistantaj normoj de procedo.

## DEZIRAS KORESPONDI

## EL AFRIKO SERĈAS

KORESPONDANTOJN:
ASSIOBO, Patrice Kossivi, BP 606 14, TG-lome, Togolando
AGBEMADON, Kossi-M Adolphe, BP 605 51, TG-Lome, Togolando
KANLIPOU, Koami Daniel, BP 13 169, TG-Lome, Togolando
AGBENADON, François, BP 605 51, TG-Lome, Togolando
LAWAL, Muhammed, Presby Training College, POBox 64; GH-Kibi E/R, Ganao
ADETOU, Edoh Paul, POBox 1288, Mamprobi, GH-Accra, Ganao
BOADI, Gyimah Andy, POBox 13, GH-Akim-Achiasi, Ganao
BOSSOU, Theodoric, BP 04-1056, RPB-Cotonou, Benino
HOSSOU, Gaston; BP 163, RPB-Cotonou, Benino
HOUNK PE, Kodjo Lamberto, BP 1659, TG-lome, Togolando
KPOBLI, Komla A. , s/c TSANDJA, Afangnon, Hotel de la Paix, BP 3452,TG-Lome, Togolando
DOVI, Têtê, s/c KOUEVI, Abalo, TP Zebe, BP 104, TG-Aneho, Togolando

EL ESTONIO serĉas korespondanton:
Leo Lokotar
Sarguere Maekula 5,1K . EE-2840
Jarvamaa - Estonio
Interesiĝas pri ĝeneralaj temoj kaj kolektas poŝtmarkojn kaj monerojn, 42-jara bestkuracisto.

## HAJKOJ

Guilherme de Almeida

**LA POETO**
Stelojn li ĉasadas.
Jen lia plor': svarme ilin
en ĝi ni rigardas!

**KARITATO**
La roz' senpetaliĝas.
Kvazaŭ floras la grundo:
jen ĝi rozkoloriĝas.

**INFANECO**
Bongusto de morus' kun sun'
plengustumata.
De l'vivado jen vizaĝ' nun.

**LA HAJKO**
Oni lavas, skuas, traelfluigas
la sablon. En kribril'
juvelgrajnon finfine oni restigas.

**JUNECO**
De tegmento-rando, sidil'
(ho, novaj tegoloj! mire ruĝaj!)
Jam fuĝe ekforiras flugil'.

Tradukis Neusa Priscotin Mendes

## OFERTO

La Instituto de Preventa Medicina Praktiko el Tokio pretas disponigi specialiston, kiu diplomiĝis pri Diina Masaĝo, por instrui tiun masaĝsistemon en nia kontinento. La instituto mem pagos la vojaĝokostojn kaj ankaŭ restadkostojn. Se ni pretas organizi ion por tiu specialisto, li venos al nia kontinento kaj tie laboros uzante Esperanton. La atendata kunlaboro nia estas trovi la instruejojn kaj traduki nacilingven al interesitoj. Se vi antaŭvidas ian eblecon realigi ĉi tion, anoncu tion al ATÍLIO ORELLANA ROJAS, Nieuwe Binnenweg 176, 3015 BJ Rotterdam, Nederlando kaj li disponigos la informojn tiucelajn.

# KONTRIBUO POR LA TRIDEKJARIĜO

1. Kiam vi komencis aŭskulti la Esperantan disaŭdigon de Ĉina Radio Internacia? Kian impreson vi havas ĝenerale?

Mi komencis aŭskulti la Esperantan disaŭdigon de Ĉina Radio Internacia en novembro 1993-a, tuj post la aĉeto de mia unua mallonga ondo-ricevilo. La unua aŭdata programo de mi estis je la 11:00UTC (Universala Tempo).

Antaŭ multaj jaroj mi pripensis, ke mi neniam komprenus la Ĉin-lingv-parolantojn. De tiu momento (grava por mi!) la ondo-serĉado ebligis min vojaĝi tra la mondo sen eldomiĝi, provante mian kapablon kontakti kun eksterlandanoj.

Ĉi-tiu mirinda Radiostacio frapante ĉe mi multe interesigis min pro la ĝeneralaj impresoj. Unue kaj precipe pro la nekredebla kaj ĝojinda riĉ-enhavo. Kiam mi povus imagi pri ĉi-programo muzika, Ĉin-novaĵoj, ktp? Ne ekzistas vortoj por adjektivi ilin. Due, tre plaĉas al mi la scion pri la "ĉiutaga" disaŭdigo. Se antaŭe mi ne povis bone kompreni la eksterterlandajn programojn disaŭdigitajn sur mallongaj ondoj, nun mi eĉ rekomendas al ĉiuj miaj geamikoj aŭdi kaj bon kompreni la Esperanto-programecon de Ĉina Radio Internacia.

2. Kiu programero pli plaĉas al vi? Kial? Ĉu vi povas ĝin komenti?

Inter ĉiuj programeroj de Ĉina Radio Internacia al mi plaĉas "Esperanto en Marŝo". Tra tia programo mi plimultigas mian scion pri la esperanta movado al mondo kaj enmetas min en la kontakto kun estontaj geamikoj. La intervjuo de Ĉina Radio Internacia multe helpas la konon de la mond-percepto de aliuloj. Menciindaj estas Leterkesto, Ĉina kulturo, Vojaĝo en Ĉinio, Novaĵoj, Ĉina kanto, ktp, ktp,...

3. Ĉu vi bonvole parolu pri vi mem, pri via laboro, pri la Esperanto-aktivado?

Mi naskiĝis en la suda regiono de Brazilio, pli precize en la kreskanta urbo Kuritibo en la 2-a de Aprilo 1967. Mi estas denaska Portugal-lingv-parolanto: kaj, dezirante sciiĝi pli multe pri la lingvostudo, kiu gvidas nian koron, mi decidis diplomiĝi pri la Portugala Lingvo en Federacia Universitato de Paranao en ĉi-tiu ĉef-urbo (1992). Mi ekkomencis scii ion pli pri Lingvo Esperanto en la Fakultatjaroj kaj ekkomencis disvastigi nian karan Internacian lingvon de simplaj prezentoj ĝis paroladoj al aliaj Universitatanoj.

Ne gravas la fino de la kurso, ĉar la marŝo de Esperanto daŭrigas. Nune mi kunportas bonan ricevilon kapablan por ricevi la afablan "Nun ni komencas nian elsendon en Esperanto". Ĉe la aŭdado, mi ekpovas pligrandigi mian kontakton kun aliaj interesuloj aŭ samhobiuloj pri Esperanto-dissendado kaj eĉ mi ekkomencis fondi Radio-aŭskultado-klubon, kiun oni intencas montri al aliuloj la profiton kaj meriton de nia skipo laboranta en Ĉina Radio Internacia.

4. Ĉu vi povas verki ion gratule al la 30-jariĝo?

*Ne plu mankas vojo,*
*Ja plu estas ĝojo*
*Por marŝo de Esperanto:*
*Ĝis la tre bela disvastiganto*
*Serĉante amikojn,*
*Traborante murojn, brikojn,*
*De simpla kaj sola letero*
*Flugas Esperanto tra etero.*
*Gratulon al la unua tridekjariĝo,*
*Gratulon al la mil-amik-fariĝo.*

Marcelo Luiz Brasil

---

# PRI LA KVIN PINTA STELO

Laŭ Edmond Privat - en "Historio de la Lingvo Esperanto" - 1ª Parto - Ĉapitro IX - Paĝo 57 Dua Eldono - Leipzig 1923.

"En 1893 L. de Beaufront proponas ke Esperantaj libroj havu verdan kovrilon kun stelo. Je la fino de 1894 estis rekomendata, kiel sursigno por Esperantistaj *kvinpinta stelo.* Jam estis komune akceptitaj en la Esperantistaj rondoj la *verda koloro kaj stelo* kiel simbolo de la movado. Moskva juvelisto fabrikis pinglon kun stelo, sed, laŭ la "Esperantisto" (n-ro 1, 1895), estis malpermesate porti tiajn insignojn en Ruslando".

# PRI LA ESPERANTISTA STANDARDO KAJ NIA HIMNO

Laŭ raporto de Paul Boulet, Sekretario de la Organiza Komitato de la Unua Universala Kongresso de Esperanto.

La Unua Universala Kongreso de Esperanto okazis en la franca urbo Boulogne-sur-Mer, en aŭgusto de 1905. Ĝi estis grandzorge preparita de la loka esperantista grupo, kies prezidanto estis la advokato Alfred Michaux. Jam plurajn monatojn antaŭ la Kongreso la urbo estis vere "esperantigita". Speciala kurso estis farita por la komercistoj kaj ties helpantoj, por ebligi la montradon, ĉe la montraj fenestregoj, de la etikedo "Oni parolas Esperanton". Krome, la esperantista standardo flirtis en la ĉefaj stratoj de la urbo, antaŭ la malfermo de la Kongreso. Tiamaniere, ĉirkaŭ 700 gesamideanoj, el 30 landoj, alvenante al la urbo Boulogne, ricevis la impreson eniri en la veran ĉefurbon de "Esperantujo"!

Post la kongreso la kongresanoj vizitas la urbojn Folkstrone, Dover, kaj Calais, per la marŝipo "Onward", ĉe kies ĉefmasto flirtis - unuafoje sur ŝipo - la esperantista standardo.

Tiu ĉi standardo unue elpensita kaj kreita de la loka grupo, estis oficialigita de la Kongreso, laŭ propono de Doktoro Zamenhof, je la 9ª de Aŭgusto 1905, kiel standardon de la tuta Esperantista Movado.

Ĝi estis verda tuko 1,20m longa, kun blanka kvadrato ( 50x50 cm ) je la maldekstra supra parto, sur kiu estis verda stelo.

Jam dum la malferma kunsido, ĉiuj gekongresanoj leviĝis kaj unuanime kantis la esperantistan himnon "La Espero" ( poezio de D-ro Zamenhof, muziko de Felicien de Ménil, franca esperantisto).

Alberto Flores

INTERNACIE

## USONAJ INFANOJ PETAS HELPON.



Studado farita de grupo de medicinistoj, edukistoj kaj aliaj profesiuloj ligitaj al usonaj infanoj dum tri jaroj, montras ke miloj da infanoj suferas pro manko de medicinistaj zorgoj, priatenton, amon kaj intelektan stimulon je endanĝeriga kreskado.

La malfacila situacio de la infanoj okazas ĉar multaj gepatroj mergas en malriĉecon aŭ suferas la efektojn de gravedeco adoleska, divorco aŭ laborproblemoj.

Malgraŭ scienca konstato, ke la tri unuaj vivjaroj estas la plej gravaj por la disvolviĝo de la infano, la raporto substrekas, ke Usono estas inter la plej industriigitaj landoj kiu atingas la malplej bonan nivelon de esencaj servoj kiel sano, zorgoj por infanoj subvenciataj de la registaro, kaj laborpermesoj por personoj en familioj, kie estas infanoj malpli ol tri jaraj.

Inter la rekomendoj de la grupo estas jenaj inkludoj: ke la gepatroj ricevu instrukcion en la lernejoj, ke la adoleskantoj estu malkuraĝigitaj por havi infanon, ke la kvalito de infan-zorgoj estu garantiata per apoga interkombino de la registaro, privataj entreprenejoj kaj komunumoj, reformo de la sansistemo kun inkludo de normigreguloj por servoj kiel infan-imuniĝo kaj antaŭnaskaj atentoj kiel ankaŭ unuiĝo de komunumoj por taksi kaj ampleksigi la lokajn servojn disponeblaj por etuloj.

## SOLVO ĈE LA PSIKOLOGA KABINETO

La publikaj kaj privataj lernejoj de Usono ampleksigas la rolon de la psikologino kiel profesiulo kiu ofertas apogon kaj ne kiel iu alvokita kiam la infano malbone kondutas aŭ ne progresas dum studado. Estas unu el la unuaj paŝoj cele al disvolviĝo pli sekura kaj kontentiga de la lernantoj.

Malgraŭ tio ke riproĉo de instruistino, kverelo kun kolego aŭ ŝerco malbonintenca de najbaro aspektu simplecaj problemoj de la ĉiutagaĵo, la sperto de infanpsikologoj usonanaj elmontras ke, multfoje, tiuj okazaĵoj portas la infanojn al la kabineto de la lerneja psikologino. Tie la lernantoj scias ke ili ricevos komprenemon kaj atenton.

"En serĉado de psikologino estas nenio malbona", diras D-rino G. Fruman, kiu laboras kiel lerneja psikologino en publikaj institucioj dum la lastaj 25 jaroj. "Se la lernantoj sentos siajn etajn problemojn priatentitaj, ili certiĝos, ekde la fruaj klasoj, kiam alvenantaj al pli altaj staĝoj de studado ĉiam estos iu por helpa superrigardo de pli gravaj problemoj", ŝi klarigas.

"La psikologino estas bonfara figuro kaj povas anstataŭi la patrinon aŭ avinon", aldonas Fruman.

Por ebligi favoran medion estas ideala starti per saluto de la psikologino je alveno de la infanoj al la lernejo. "Estas grave ke ĉiuj sciu ke tie estas psikologino", diras la D-rino Fruman, "malgraŭ tio ke la infano ne estas devigata serĉi ŝian kabineton.

(Adaptita de teksto de S. Chira, NYT, el Infana Suplemento de "O Estado de S. Paulo",15-5-95)

Tradukis S.S.L.

## SALUTVORTOJ

Mi nomas Dulce de Paiva Whately. Mi estas profesorino kaj mi servas kiel Direktorino de Kolegio Dom Bosko, unua kaj duagrada kolegio de nia urbo.

Estas mia deziro rezonigi vin pri la motivo KIAL LERNI ESPERANTON? Pro ekonomiaj motivoj preskaŭ ĉiuj homoj preferas lerni la anglan, la hispanan, la germanan, la italan kaj francan lingvojn. Ili esperas tujan profiton, atingi sciencan kaj teknikan literaturon, riĉecon kaj prestiĝon. Tiu estas la egoisma flanko de la homaro.

Por esti esperantisto estas necesa pli granda kompreno pri la vera homa naturo. Vivi, senti kaj vidi nian Planedon kiel spacveturilon kaj ni, la tuta homaro kiel egalrajtaj kaj egalrespondecaj pasaĝeroj. Tiel ni facile konkludas pri nia neta supereco. Kion ni volas per Esperanto?

1 - Sendiskriminacia komunikado inter ordinaraj homoj;
2 - Alternativa modelo de internacia kunlaboro kaj kunvivado;
3 - Propedeŭtiko por lingva instruado;
4 - Partopreno en alternativa transnacia kulturo;
5 - Servi kaj uzi unikan instrumenton kreitan en la mondo celante sendiskriminacian amikecon;
6 - Ĝui la eblecon korespondi tutmonde kaj ami per Esperanto;
7 - Plezure esti esperantisto ne pro la estonteco de Esperento, sed pro tio ke Esperanto jam estas kiel rekta kaj efika ligilo nacia kaj internacia.

(Salutovortoj dum la 20-a Renkontiĝo de Sudparaiba Valo en Resende. 02/04/1995)

## LOKA BULTENO EN ĴURNALO

"Jornal de Paraiba do Sul" aperigas duonmonate Esperanto-Kolumnon kun sekcioj en la nacia lingvo (novaĵoj, esperantista mondo, opinioj, anoncoj, kursoj) kaj en Esperanto (Ni debutas, Ni aktivu, E-klubo, Leterkesto). Kopiojn ricevas 40 gesamideanoj de Paraiba do Sul kaj Três Rios. Abonoj kaj unuopaj ekzempleroj ĉe Rua Saturnino Braga,104-Paraíba do Sul, RJ I5850-000. La ĵurnalo ankaŭ bonvenigas tradukojn de mallongaj noveloj kaj poemojn originale verkitaj en Esperanto. Skribu al JPS, "Esperanto-kolumno", samadrese.

(Informis Luiz Alberto de Oliveira Coelho)

# KURIOZAĴO

Legeblis en Heroldo de Esperanto nº 3 (1902), 7/3/95 sub rubriko "FERIAJ RENKONTIĜOJ" kvin E-Renkontiĝoj ja aŭtunaj!

Nia sezona kalendaro estas aŭtuno ekde 20/3, vintro ekde 21/6, printempo ekde 23/9 kaj somero ekde 22/12. La anonco entenis printempe por la 20-a E-Renkontiĝo de Sudparaiba Valo, en Resende, 12/3 (somero); la 11-a E-Renkontiĝo en São Paulo la 26-an de marto (ĝi okazis la 19-an de marto, somero kaj estas de urbo São Paulo, pli precize, kaj la adreso laŭ kvartalo ne estas Água Brava, sed ja Branca); la 1-an kaj 2-an en Porto Alegre la 8-a E-Renkontiĝo (ankaŭ E-Renkontiĝo de urbo Porto Alegre, aŭtuno); de la 21-a ĝis la 23-a de aprilo en Barra, Portal kaj Aragarças-EKO-festivalo de la E-kanzono okaze de la Tutmonda Tago de la Tero (aŭtuno); la 21-a E-Renkontiĝo de Sudparaiba Valo en Campos do Jordão, la 4-an de junio, aŭtuno. Oni pridube sin demandas kiu informis, aŭ kiu interpretis la informon?

Brazila Esperanto-Ligo proponis de kelka tempo, ke estu reprezentanto rajtigita por informado de okazigoj eventaj aŭ aliaj al eksterlanda gazetaro. Ĉu la brazila esperantistaro akordiĝus al tiu kunlaboro centriga, cele al taŭgaj, precizaj, ordigitaj diskonigoj kiuj valorigus nian movadon, se ilia deziro estas elstarigi la landon? Alia flanko de la afero estas la ebleco, ke redaktoroj ankaŭ ĉerpas el ricevitaj informoj bultenaj, cirkuleraj, leteraj kaj mem kompilas tekston; tiel, oni ne povas nek haltigi la sendon de tiaj specimenoj (kiam informiloj oficialaj aŭ sendependaj pri ĝeneralaj temoj) nek malpermesi la gvidlinion de la koncerna publikigaĵo. Ekzemple, pri la eksterordinara kunsido de BEL-FK en Brasília, januare, "ESPERANTO" de UEA aperigis tekston resuman kaj donis la ĉerpofonton: S. S. Ledon, PEA kaj "Esperantopres"... (Interesitoj pri diskuto bv. kontakti la redaktejon de BE).

# FORGESU

(Roberto Carlos)

Forgesu,
Se li ne vin amas.
Forgesu
Se li ne vin vola-as...
Ne ploru plu,
Malĝoj ne i-indas,
Ĉar mia amor' por vi
Nur valorindas...
Li jam ne pensas
Voli vin, in'.
Vivigas vin
Meze de plor'.
Oh, Oh...

Ne ploru plu, in'.
Do, venu
Al mi,
Ne pensu,
Ne ploru plu,
Mia amor'...

Vicente Paulo Werneck
Esperantigis

# DEMANDO:

Ĉu la punkto estas sur la litero "i" aŭ super la litero "i"?

**RESPONDO:**

Nek sur, nek super, sed ĝi estas en "i". Ĝi estas parto de la litero "i"!

(Neusa Priscotin Mendes)

Solvo de paĝo 12
1. OST
2. IMPET
3. ORGENON
4. PROGRAMOJ
5. CERASTO
6. KANEL
7. ETA



# LA FRENEZA BIRDO

Thiago de Melo

Ĝi estas nur birdo.
Strikte ornamita kaj
malriĉa plumaro.

Tamen ĝi rifuzas
la plej brilan sidilon
de l'tuta pejzaĝo
donacita de l'mondo.

Ĝi estas birdo, mi insistas.
Tamen foriĝas
al vastaj spacoj.

Nurnure ekflugas
je la ĝusta momento
- kaj subite kantas! -
kiam ĝi ekvidas
fulmdaŭran ripozejon
alpinglitan en la bluo.

Ĉu atingebla? Senscie,
freneza, sin jetas
(pri birdoj, ripozejoj
kiomete oni scias!)

Sed restas kaj brilas
eninfinite - la kanto
mirinda senmakula
de l'freneza birdo.

(Esperantigis Neusa Priscotin Mendes)

## ESTU BONVENA KAJ VIVU LONGE, BRAZILA ESPERANTISTO

Symilde S. kaj Gilbert R. Ledon, per marta cirkulero 1995, sciigas nian K.P.S. (Kvin Pinta Stelo de Esperanto) pri sia radia kaj luma iniciato, per kiu ili akceptis la taskon reaperigi BRAZILAN ESPERANTISTON por kies celo petas kunlaboron.

"Ne ĉesu, ne ĉesu!" en kor' al ni sonas. Ĝis finfine! Neelĉerpebla estu la Ledona minejo!

En 1987, per pasie varma letero, mi salutis ĵurnaliston ITACIR LUCHTEMBERG, tiam komisiita de BEL-Estraro por fari tiun saman miraklon.

Li havigis al si riĉan materialon, ordigis ĉion, sed mankis al li la "sankta oleo", la mono por funkciigi la maŝinon.

En 1989, dum la 24-a Brazila Kongreso de Esperanto en Maceió, Gilbert Ledon malavare malfermis la pordon de sia minejo por finance subteni la eldonon kaj eltombigi la laboron de Itacir.

Tiamaniere ni ĝuis la plezuron trafoliumi, ĝis lasta komo legi la sopiratan "Brazilan Esperantiston"! Kia bela ĝi estis! Verdkolora, belaspekta, dudek sep centimetrojn longa kaj dudek larĝa, kun variaj artikoloj pri enkonduko, Brazilo, eseo, profilo, gramatiko, recenzo, debato, raportoj pri movado, BEL-informoj, leteroj kaj korespondado. Oficiala organo de Brazila Esperanto-Ligo (BEL) Januaro/Februaro 1989, n-ro 290, 81-a jaro.

Ĝiaj ekzempleroj ĝis hodiaŭ ornamas niajn librobretojn. Kion pli oni povus deziri krom la daŭrigon?

Itacir stampis sur la paĝo 23-a la tutan tekston de mia pasia kaj entuziasmiga letero per kiu mi salutis la iniciaton. Bedaŭrinde, kiel frumatura elĵeto, la ekscito finiĝis. La brazila esperantistaro, rezigne, ekde tiam meritas, meritadas nur la povran bultenon Ligilo.

Nun, ekflamas nia fido! Malgraŭ mia sepdek-kvin-jariĝo, mi denove festas la okazaĵon kaj resonĝas, rerevas kaj penas helpi per moneroj kaj aplaŭdoj. Vekiĝu gesamideanoj! Konscienciĝu pri la graveco, la vera signifo de B.E. kiel ligilo. Per ĝi ni sentos la vivantan movadon. Ni havos ion prezentindan al niaj gelernantoj dum kaj post instruado. Ĝi simbolas unuecon, unu solan boĝieton, radikojn en ĉefurbo de Brazilo, historian protokolon, reflektigilon por niaj agoj, laboroj kaj penadoj, niaj ĝojoj kaj malĝojoj. Per ĝi ni povas konscienciĝi pri la efikeco de nia ĉefdelegito.

B.E. estos konverĝa punkto kiel renkontiĝejo por niaj kleraj kaj produktpovaj samideanoj, nun disc kaj preskaŭ perditaj tra nia vasta lando. Antaŭen! Nun mi povas trankvile morti. Dankon Symilde kaj Gilbert Ledon!

Resende, RJ la 02-an de aprilo 1995.

SIRIO SILVA
Kvin Pinta Stelo de Esperanto nº 0001

## TRANSLIMEN !



Solvi la problemon de la lingva komunikado inter la civitanoj de Eŭropo kaj en ĝiaj institucioj, tio estas fundamenta kondiĉo por ĝia politika konstruiĝo. Sen la federacia lingvo ne ekzistas eŭropa moviĝkapablo de la laboro kaj malfacile povos realiĝi solida politika Unio inter personoj, kiuj ne interkomunikas, ĉar ili parolas 9 malsamajn lingvojn hodiaŭ, 12 ekde '95, 16 post kvin jaroj.

Ekzistas krome la kostoj de ne-komunikado; en la eŭropaj instancoj. La elspezoj por interpretado kaj tradukado (ĉe la 9 lingvoj de la Unio la interpretistoj devas servi por 72 lingvo-kombinoj) iras de la 38% de la Eŭropa Parlamento ĝis la 58% de la Eŭropa Kortumo. Morgaŭ la kombinoj bezonataj por 12 lingvoj estos 132, do preskaŭ la duoblo, kaj tiam kiom plialtiĝos tiuj ĉi procentoj?

Esperanto estas la ununura demokrata solvo celebla: krom garantii la lingvan demokratecon transnacian, ne favorante tiun aŭ alian popolon, ĝi havas du karakterizojn same esencajn kaj neatingeblaj de aliaj solvoj;

- ke ĝin oni povas plene posedi jam ĉe la kompletigo de la baza deviga instruado kaj do ke ĝi ebligus tuj eniri en la mondon de la tuteŭropa laboro;
- ke ĝi rimarkinde plifaciligas, se antaŭprepare instruata dum du jaroj en la elementaj lernejoj, la ellernadon de fremdaj lingvoj.

Ekde tuj; surbaze de la principo de subsidiareco, la eŭropaj institucioj devus alpreni al si la kompetentecon pri instruado de komuna pont-lingvo de Unio kaj, konsekvence, pri enkonduko de Esperanto en la lernejojn de la landoj membroj.

# BRAZILA ESPERANTISTO

"LA HOMO"
homa
homama
homaro
homaranismo
homeco
homevitulo
hommanĝulo
senhoma
superhomo
(Grande Dicionário
Esperanto-Português
I. G. B. c/ Suplemento
de S. Chaves)

"LA HOMO"
1. G. de mamuloj,
karakterizita per
vertikala teniĝo,
forte evoluinta
cerbo k. parolkapablo.
2. Membro de tiu
genro, rigardata
kontraste al aliaj
specioj.
3. Membro de tiu
genro, rigardata kiel
havanta apartajn
ecojn.
4. Ano el tiu genro,
rigardata kiel unuo
inter multaj.
(Plena Ilustrita
Vortaro de Esperanto)

"LA HOMO"
(Gr. homos=sama)
-homogena, homo genigilo,
homogrefto, homologa,
homologo, homoplastiko,
homoseksuala (samseksama),
homotransplantado,
homozigoto.
(Esperanta Medicina
Terminaro. Eldonita de
Universala Medicina
Esperanto-Asocio

BRAZILA ESPERANTISTO



CAIXA POSTAL 269
BR - 12460-000 CAMPOS DO JORDÃO/SP